# REGo

 RUSIA ESPERANTO-GAZETO 

*komuna eldono de REU kaj REJM* *№ 3 (16) junio 2003*



**HIERAŬ:** *tiel aspektus Sonja Ŝejnina, se ŝi vivus antaŭ 2-3 jarcentoj*

*en la numero:*



***Moskvo, 2003***

# RET, OkSEJT atendas Vin!



*denove kantos…*

Venis somero – la sezono, kiam okazas multaj E-aranĝoj. En Rusio inter ili elstaras OkSEJT kaj RET. OkSEJT, kiu okazos jam la 43-an fojon (rekordo por amasaj rusiaj E-aranĝoj), ekde 2002 estas ĉefe instrua tendaro (en rekta senco de la vorto "tend-ar-o"); pri ĉi-jara OkSEJT vi povas legi en ĉi-numera REJM-info. RET, malgraŭ sia ne tiom longa historio, sendube estos, same kiel pasintjare, ĉefa somera aranĝo en Rusio. Bedaŭrinde al ĝi ne venos (malgraŭ sia granda deziro) Ĵomart kaj Nataŝa, sed jam anonciĝis por la partopreno Mikaelo Bronŝtejn, Vladimir Soroka, Pavel Korotenko, Mikaelo Povorin, Evelina Sokolova, Valentin Melnikov kaj multaj aliaj niaj kantistoj kaj aŭtoroj. Vladimir Soroka denove venos kun sia poltavia bando kaj prezentos ne nur koncertajn programojn, sed ankaŭ sian jam famiĝintan kurson "Septima". La Estraro de REU kun helpo de aliaj interesiĝantoj intense okupiĝas pri la preparado de la programo, por ke ĝi estu interesa kaj ĉiu partoprenonto trovu en la programo ion allogan por sia menso, animo kaj koro. Sed sen Vi la aranĝo estos ne perfekta.



*... niaj ŝatataj bardoj*



*kaj denove ni aŭskultos ilin tage…*

**BONVENON!**



*... kaj nokte*

# “PRIMAVERO EN TOBOLSK”
## KAJ PERSPEKTIVOJ DE REGIONA AGADO

**Ĉio komenciĝis kiam…**

Post la 19-a Konferenco de REU en Puŝĉino (decembro 2002), kiam oni min elektis kiel estraranon pri la regiona agado, mi komencis esplori la situacion en la regionoj. Evidentiĝis, ke organizita Regiona Agado funkcias nenie en la lando, kvankam la Regularoj de REU donas sufiĉan atenton al ĉi tiu flanko, detale priskribas rajtojn kaj devojn de la regionaj kunordigantoj kaj lokaj reprezentantoj. Formale tiuj personoj ekzistas en ĉiuj regionoj kaj en multaj lokoj, sed fakte neniu sisteme okupiĝas pri koordino de la fortoj kaj agoj.

La ĉefa motivo emfazi la regionan agadon en Rusio estas nur georgafia vasteco de nia lando. Pro tiu vasteco kaj grandaj distancoj inter urboj en la landaj renkontiĝoj povas partopreni tute ne ĉiuj, kiuj volus. Sed renkontiĝi kaj pasigi iom da tempo inter siaj samideanoj, homoj, kiuj same ŝatas la internacian lingvon kaj jam pro tio estas pli proksimaj ol multaj ceteraj, estas tute natura deziro. Kion fari? Laŭ mi la plej taŭga solvo de la problemo estas bona, vigla, vivplena, interesa E-agado en regionoj.



Historio de SEJM donas bonajn ekzemplojn de funkciado de Regiona Agado: REVU (Renkontiĝo de Esperantistoj de Volgio kaj Uralo), CRER (Centro-Rusia Esperanto-Renkontiĝo) kaj OSER (Okcident-Siberia Esperanto-Renkontiĝo). Mi bone memoras tiujn tempojn! Sed kion mi scias pri la lastaj jaroj – estas ke tiu ĉi agado en multaj regionoj simple endormiĝis, perdante membrojn kaj fidindecon.

Kie nun estas tiaspecaj renkontiĝoj, tiaspeca agado? Same okazas ankaŭ en Urala regiono, kie mi loĝas. Dezirante nepre ŝanĝi la situacion al pozitivo, mi serĉis vojojn por restarigo de la regiona movado kaj pensis, ke nemalbone estus komenci ĝuste de nia regiono. Kvazaŭ favora reago al miaj pensoj kaj strebo aperis dum telefona parolo propono de Vladimir Opletajev, konata esperantisto el Surgut, okazigi E-renkontiĝon en Tobolsk. Mi tuj akceptis la ideon, kaj kune ni komencis preparan laboron al Regiona Renkontiĝo. Ni nomis ĝin “PRIMAVERO EN TOBOLSK” laŭ propono de Dilara Gadirova, malnova kaj iam tre aktiva esperantistino el Tobolsk, kiu, interalie, fakte sola, tre bone organizis ĉion surloke (loĝadon, manĝadon, ekskursojn…). Ni ne dubis ankaŭ elektante la temon por la renkontiĝo – “Regiona agado: direktoj kaj perspektivoj”, ĉar la celoj de la renkontiĝo estis stimuli la disvolviĝon de E-movado en la regiono kaj samtempe provi pritrakti la gravecon de la problemo ĝenerale.

**Pri la renkontiĝo en Tobolsk…**

"PRIMAVERO EN TOBOLSK" arigis 33 partoprenintojn el 11 urboj de 7 regionoj kaj startis la 1-an de majo en la domo "Stacio de junaj turistoj". La tuta ejo havis dormoĉambrojn kaj du salonojn por aranĝoj kaj apartenis nur al ni. Estis eĉ malgranda kuirejo-manĝejo, kie ni kuiris kafon kaj ceteron kaj povis libere teumadi kaj babiladi eĉ malfruvespere. Do, estis tute hejmecaj kondiĉoj, kiuj helpis krei la atmosferon de *la rondo familia*.




La partoprenintoj ĝuis variajn programerojn de tiu ĉi dutaga evento. Serioza parto enhavis konferencon pri la ĉefa temo kaj prelegserion, dum kiu oni informiĝis pri la temoj: "Nuna stato de E-movado en Rusio", "Panoramo de rusiaj E-gazetoj" ktp. Alia atentinda aranĝo, vere utila al ĉiu esperantisto, deziranta perfektiĝi en la lingvo, estis profesie kaj altkvalite farita leciono "Parolu en Esperanto klare kaj bele". Ĝin partoprenis komencantoj kaj veteranoj kun variaj niveloj de rego de la lingvo. Gvidis la lecionon V.Opletajev, kiu per siaj renovigaj iniciatoj kaj vasta meritplena laboro valore kontribuis por ĝenerala sukceso de la aranĝo.

Amika Vespero estis bonega okazo por interkonatigi ĉiujn kaj kuraĝigi eĉ al elpaŝo antaŭ la publiko. La teamo el Jekaterinburg preparis sian elpaŝon tiel, ke partoprenis ĉiuj anoj de la sufiĉe granda grupo; novosibirskanoj sub gvido de Jekaterina Arbekova prezentis sian gajan teatraĵeton, en kiu ĉefan rolon brile plenumis Mansur Mankin el Tjumeno. Kiel ĉiam sindone kaj tre emocie elpaŝis malnova kaj aktiva esperantistino Rimma Roganova el Ĉusovoj (Perma regiono). Veniamin Rozenberg el Omsk kaj Aleksandr Kalaŝnikov el Tjumenj prezentis po kelkajn individuajn skeĉojn, A.Kalaŝnikov ankaŭ dancigis ĉiujn dum la konatiĝ-danco, prenita el la tempoj de lia esperantista juneco kaj aktivado. Talenta poeto Gafur Gazizi el Salavat (Baŝkirio) kaj gitaristo Anatolij Radajev el Samara vidis unu la alian por la unua fojo, sed konatiĝinte ili tuj verkis kaj plenumis du brilajn muzikajn parodiojn kun la vortoj de Gafur kaj muziko de Anatolij. Ĉiujn ĉenerojn de kune kreita programo de Amika Vespero ŝnuris la ĉefa temo: "Bona humoro en la amika rondo", kies gvidantoj – Raja Kudrjavceva (Jekaterinburg) kaj V.Opletajev – emociinte la ĉeestantojn, kreis bonan humoron kaj etoson de grandanima amikeco.

Vespere la duan tagon okazis persona koncerto de Anatolij Radajev – poeto, gitaristo kaj komponisto. Anatolij ne nur afable konsentis veni al tiom fora de Samara urbo Tobolsk, sed portis sur siaj ŝultroj la tutan muzikan parton de la renkontiĝo: li akompanis ĉies elpaŝojn, gvidis kantadon de komunaj kantoj kaj estis animo de la kompanio ĉe la amikaj vesperaj teumadoj… Dum sia koncerto Anatolij prezentis la tutan panoramon de siaj kanzonoj, ekde la unuaj amatoraj ĝis la lastaj, fakte jam profesiaj. Ni povas fieri, ke ĝuste dum "PRIMAVERO EN TOBOLSK" ni ĉeestis la unuan prezenton de liaj ĵusaperintaj kompaktdiskoj, vere rekomendindaj por aŭskultado, kiuj nomiĝas: "Mia bordo", "Vintra fabelo" kaj "Luna ebrio". Aldone li produktis por ĉi tiuj diskoj libron de siaj kantoj kun muziknotoj, kiun li nomis "Mia sorto" kaj prezentis ĝin kune kun sia ruslingva prozlibro "Охотник и жертва" (Ĉasisto kaj ĉasaĵo).

Esperantista programo alternis kun ekskursoj tra la urbo. Ni havis ekskurson en la

Kremlo, la plej orienta en Rusio, vizitis la eksan prizonon – "Tobolskij ostrog", promenadis inter antikvaj konstruaĵoj kaj famaj lokoj, fotiĝis ĉe la domo, kie dum sia tobolska ekzilo loĝis Nikolao la Dua. Ĉiujn vere ravis la ekskursoj al Eklezia Supera Lernejo kaj ikonarta metiejo, kie oni produktas kaj restaŭras ikonojn, al arta metiejo, kie oni prilaboras kaj faras artaĵojn el mamuta eburo. Vere Tobolsk estas tre interesa, historiplena urbo, kapabla kontentigi la plej postuleman ĉi-rilate turiston.

Laŭ opinioj de partoprenintoj la renkontiĝo pasis sukcese, kaj ĉiuj, ŝajnas, reiris hejmen kun la renovigita sento, ke Esperanto ebligas tiujn bonajn momentojn. Pri la sukceso atestis *Reflekta Tabelo*, kiun oni disdonis ĉe la malfermo al ĉiu partoprenanto. En la *Reflekta tabelo* estis listigitaj ĉiuj programeroj kun lokoj por poentoj, kaj oni povis taksi ĉiun aranĝon laŭ freŝaj spuroj tuj post ĝia fino.

Mi mem povas diri, ke vere tiu estis la unua strukturita renkontiĝo en Urala regiono post pluraj sinsekvaj jaroj da neokazado, tial estis atingita unua kaj minimuma rezulto, kiun ni celis. Certe, ni opinias, ke la okazigita evento donis bezonatan impulson al regiona agado ĉi tie, sed ni ne estu naivuloj por kredi, ke ĉio aŭtomate pliboniĝos kaj ŝanĝiĝos. Do ni devas nun persiste kaj tolereme meti brikon post briko celante restarigi la regionan agadon, peni trovi pli efikajn rimedojn por tio. Ni faris la unuan paŝon kaj pretas fari la aliajn.

**La planoj por estonteco…**



La renkontiĝo en Tobolsk estis konkreta ebleco por esplorado kaj startpunkto por pritraktado de grava problemo pri disvolviĝo de la regiona agado. Dum la konferenco krom mia prelego pri la ĉefa temo laŭ propra vidpunkto, estis farita provo pensigi la samideanojn en tiu ĉi direkto, komencante de la urala esperantistaro. Estis esprimitaj kelkaj atentindaj opinioj de V.Opletajev (Surgut), J.Arbekova (Novosibirsk), Vladimir Terjoĥin (Jekaterinburg), M.Mamkin (Tjumenj), sed entute ne estis eble pritrakti la temon tiom aktive kaj profunde, kiom ni volis kaj kiom ĝi meritis tion. Eble pro tio, ke oni ŝanĝis la programon pro ne dependantaj de ni cirkonstancoj kaj en la konferenca tago okazis la ekskurso, kiu daŭris 4 horojn (!), kaj poste ĉiuj estis lacaj por okupiĝi pri seriozaj aferoj. Konsiderante, ke tia polemika temo meritas seriozan kaj profundan atenton, konsiderante ankaŭ la gravecon de evoluo kaj akcelo de regiona agado en Rusio, mi volus proponi daŭrigi la diskuton pri la problemo sur paĝoj de REGo. Ni meditu pri tio, kiel eblas reaktivigi regionan agadon kaj kian rolon ĝi povas havi en nia movado, kion ni atendu de ĝi, de kie regiona agado ricevu impulsojn por plua disvolviĝo, kiujn vojon ni vidas por esence fortigi ĝin, kiel ni partoprenas aŭ planas partopreni en la agado regionskala. Jen kelkaj aspektoj pritraktotaj sub nia temo. Sed regiona agado estas ampleksa afero, ĉiu ĝin komprenas laŭ diversaj pensmanieroj. Nia celo estas provoki la rusian esperantistaron al plua




diskuto, esplorado kaj agado sur tiu kampo.

***Viktor Kudrjavcev (Jekaterinburg)***

---

La bone preparita kaj sukcese okazigita regiona renkontiĝo kontribuas kutime rimarkeble al akcelo de la esperantista agado, ĉar ĝi kreas novajn motivojn ĉe partoprenantoj kaj rivelas imitindajn tendencojn en la evoluo de la loka (enregiona) movado. En kazo de la printempa renkontiĝo en Tobolsk oni povas juste konstati ĝian pozitivan efikon por la urala regiono, ĉar ĝi signis novan reaktivigan etapon sur la vasta kampo inter Volgio kaj Siberio. Ĉu la tendenco, puŝita en Tobolsk, plu evoluos? Tio dependas de la kontinua kunlaboro inter multaj neindiferentaj esperantistoj, kiujn ŝargis per pozitiva energio la tobolska printempo. Tiu ĉi renkontiĝo en la antikva siberia ĉefurbo impresis min per sia neordinara kongruo de amika esperantista kaj historia etosoj, ĉiupaŝe senteblaj kaj efike agordintaj la tridekon da kunvenintoj al interesaj kunvenoj, diskutoj, ekskursoj, koncertaj programoj, senĝenaj ĉetablaj babiloj. La organiza skipo dum kelkaj monatoj da antaŭpreparoj multe klopodis por sukcesigo de la forumo kaj preskaŭ senriproĉe efektivigis la antaŭviditan programon. Venontjare nin bonvenigas la urala ĉefurbo Jekaterinburg por nova regiona renkonto, certe, ne malpli interesa kaj eventoriĉa.

***Vladimir Opletajev (Surgut)***

---

KuzER (Kuznecka Esperanta Renkontiĝo), dediĉita al la 20-jara jubileo de Novokuznecka E-klubo “Cedro”, okazos de la 24-a ĝis la 30-a de julio 2003 en la sporta tendaro “Olimp”, kiu situas en pitoreska loko Aŝmarino, 50 km for de Novokuzneck. La kosto por la tuta renkontiĝo estas 1600 rub. Kontaktoj: rete <tkoljaeva@rambler.ru>; poŝte 654080 Novokuzneck, str.Kirova 84 – 62, Abzalova Julija; tel. (3843) 789393.

La renkontiĝo estis vere sukcesa, al mi tre plaĉis. Sed kiel mi vidis, junularo ne tre ŝatas paroli pri movado, tio certe iom afliktas. Sed tutegale ĉiu E-renkontiĝo estas granda puŝo por niaj progresantoj kaj komencantoj. Ja post kelkaj jaroj evoluo de la movado dependos ĝuste de hodiaŭaj komencantoj. Mi eĉ ne povas ion aldoni pri la impresoj, ŝajne ĉio estas bele priskribita. Laŭ mia opinio, antaŭ ol diskuti, necesas: 1) Difini sencojn de la vortoj. Kion ni komprenu sub la termino “Regiona agado”. Mi ne scias pri aliaj, sed mi devas konfesi, ke por mi ne tute klaras ĝia ĝusta senco. 2) Difini vektoron de celoj, kio estas ĉiuj celoj de regiona agado, ordigitaj laŭ graveco. Jen, almenaŭ tion por komenco.

***Mansur Mamkin (Tjumenj)***

---



**KIO ESTAS LA REGIONA AGADO?
POR KIO ĜI ESTAS BEZONATA?
KIAL MI EMAS KONSIDERI TIUN DIREKTON
SPECIALE GRAVA POR RUSIO?**

Rusio estas granda lando. Kun diversaj kondiĉoj, diversaj tradicioj de la movado – ne parolante jam pri tio, ke tute ne ĉie nia movado entute ekzistas. De Kaliningrad facilas viziti Varsovion, sed ne Vladivostokon nek eĉ Jekaterinburgon. De Vladivostok relative facile atingeblas Tokio kaj Seulo, sed ne Kaliningrad aŭ Jekaterinburg. Tial la najbaraj centroj de E-movado en la lando devas aktive kunagi, disvastigi la verdan ideon en apudaj lokoj. Kaj ili devas por tio ofte kontakti por komunaj projektoj, diskutoj, te-, bier- kaj aliaj umadoj. Esperantistoj devas kontakti – ja la lingvo mem provokas kontaktemon, kaj plej facilas tion fari kun najbaroj. Jen estas unu grava flanko de la regiona agado.

La alia flanko estas kunordigo de E-laboro en la tutlanda skalo. Oĉjo Voĉjo povas sur la ŝtata nivelo konstrui desupre vertikalojn de la povo. Li, kiel regnestro, faru, eble li eĉ sukcesos. Tio estas lia "regiona agado". Sed ni, estante precipe desuba movado, havas nek la povon, nek eblojn konstrui iujn "vertikalojn". Nia vojo estas principe horizontala. Do, la agadoj en diversaj lokoj pliriĉigas unu la alian, garantias disvastiĝon kaj progreson eĉ tiam, kiam la kondiĉoj por progreso mankas. Tiam atingoj kaj spertoj de unu urbo, kondiĉe de konscia rilato al ili, povas disvastiĝi en la tuta regiono; atingoj kaj spertoj de unu regiono povas disvastiĝi al la aliaj. Cetere, tion devas puŝi ne nur kunlaboro, sed ankaŭ konkurado. Ju pli kreskos la movado en unu loko, des pli kresku ĝi en la aliaj kaj – en la tuta lando. Plej evoluinta en la movada senco regiono povas tiri la aliajn – rememoru nur, kiom gravis por la tuta Sovetunio BET-oj!

Regionaj renkontiĝoj, projektoj (ekz., instruado kaj klubfondado en apudaj urboj ks) kaj ceteraj formoj de laboro devas plifortigi la landan asocion. Se ĝi ricevas ĉiam pli da aliĝintaj kluboj kaj individuaj membroj, ĝi povas mem direkti iujn komunajn projektojn. Ekzemple, sendi instruistojn al certaj lokoj, organizi soci-signifan aŭ sciencan konferencon, tutlandan varbkampanjon… Multaj membroj signifas grandajn homajn riĉaĵojn, eblecon plenumi grandajn planojn. Sed serioza kvanta kresko de la landa asocio eblas nur surbaze de lokaj kluboj kaj ties regiona kunagado – ja apartaj individuoj kapablas precipe nur pagi kotizojn kaj ricevadi servojn, sed ne labori grandskale. Do, la tria grava misio de la regiona agado – plifortigo de la landa asocio por bono de la apartaj regionoj.

La kvara grava signifo de la regiona E-agado estas progresigo de la tutlanda movado sur la internacia nivelo. Se kreskos la landa asocio, se oni vidos de eksterlande, ke la movado floras ne nur en unu-du-tri famaj centroj, se ĉie tra la lando, ni havos pli da ebloj la movadon internaciigi, fari internaciajn aranĝojn ne nur en Moskvo, Peterburgo, Tomsk kaj ankoraŭ kelkaj urboj, sed kie ajn. Eksterlandaj samideanoj sciu, ke ankaŭ Tobolsk estas inda loko por veni, ankaŭ Tjumenj, ankaŭ Niĵnij Tagil ktp. Ke ĉie ilin renkontos forta loka teamo. Kaj ni havos dekojn da internaciaj renkontiĝoj tra la tuta lando… Ĉu revoj de Manilov? Dume jes. Sed, esperеble, la (re)komenco en Tobolsk, se pri ĝi scios la publiko ĉie en Rusio kaj ekster ĝi, se ĝi revekos intereson al Esperanto en Uralo kaj Okcidenta Siberio, se ĝi puŝos lanĉon de novaj kursoj ktp, – fariĝos vera paŝo tiudirekten.

Ek al la laboro – kaj sukcesojn tuj kaj ĉiam!

***Nikolao Gudskov (Moskvo)***

Aroma Jalto

*Sube vi povas legi la impresojn de la partoprenintoj pri tradicia E-festivalo "Aroma Jalto" (AJ). REGo decidis disponigi sufiĉe ampleksan lokon sur siaj paĝoj al la rakontoj pri AJ, ĉar ĝi iom-post-iom fariĝas unu el la plej interesaj amasaj aranĝoj sur la teritorio de eks-Sovetio. Eble la vidpunktoj kaj impresoj de diverslandaj partoprenintoj helpos al la legantoj kompili por si plenan bildon de la festivalo kaj kompreni la kialojn de ĝia evidenta progreso.*

---

## JALTA EN MAJO – FABELA BELO!

"Jalta en majo – fabela belo!". Tiel krias afiŝoj surstrate, allogante al mara plezurvojaĝo. "Nur 200 $ tage!" Ankaŭ mi scias, ke Jalta en majo estas fabele bela; sed allogas min ne pompa promenejo – la markajo; ne luksaj kafejoj kaj restoracioj; kaj eĉ ne ebriiga odoro de cedroj kaj glicinioj. Jalta en majo estas fabelo pro Esperanta festivalo "Aroma Jalta".

Ĉi-jare ĝi okazis jam la 14-an fojon; kaj ĉiufoje ĝi iĝas pli multnombra kaj pli enhavoriĉa. Nun partoprenis ĝin 66 personoj el 31 urboj de 9 landoj: Belorusio, Britio, Germanio, Nederlando, Pollando, Rusio, Svedio, Ukrainio, Usono. La programo dividiĝas je temaj tagoj: Interkona tago, Turista, Intelekta, Amika, Sprita, Interesa; kaj ankaŭ du specialaj tagoj: Ekzamena Tago kaj Tago de Venko la 9-an de majo. Se rigardi alie, la programo konsistas el 3 partoj: instrua, ekskursa kaj kultura (matene, tage kaj vespere).

La subtropika naturo de Jalta estas harmonie bela; kaj same harmonias la enhavo de AJ. Antaŭe vaste famis "Veluraj sezonoj", kie estis flegataj V.Soroka, Ĵ.Amzeev, A.Radajev, N.Berce kaj multaj aliaj steloj de Esperanta kanto. En la nuna AJ, organizata de prezidanto de Ukrainia Esperanto-Asocio Vladimir Gordienko, senrezerve dominas instrua kaj turista direktoj; sed jen bona novaĵo por artistoj: ekde 2004 Jefim Zajdman denove organizos siajn "Velurajn sezonojn"! Do, kvankam ne samtempe, sed ĉiuj direktoj de E-agado denove harmonie plukreskos en Jalta.

Ĉi-jare ni loĝis iom fore de la urbo, sur la pinto de monto. De la balkonoj videblis rava panoramo de bluega glimanta maro, borderita de akraj cipresoj kaj pompe florantaj kaŝtanarboj; kaj la vojo malsupren serpentumis tra arbaro, odoranta je pinoj kaj freŝa foliaro. Ni ĝuis la montan aeron kaj, kompreneble, partoprenis turistajn marŝojn, da kiuj dum AJ-2003 okazis eĉ 3. La plej interesa, verŝajne, estis 2-taga (kun noktumado en tendoj) ekskurso al akvofalo "Ĝur-Ĝur" kaj Fantoma valo. En Fantoma valo, sur pinto de Krimea montoĉeno, staras bizaraj rokoj, similaj jen al fungo, jen al renversita hipopotamo, jen al la kapo de l' Imperiestrino Jekaterina! Kaj depende de ŝanĝoj de prilumo, la aspekto de tiuj rokoj ŝanĝiĝas, kvazaŭ ili transformiĝas al aliaj imagoj, lante enombriĝas, kiel fantomoj…

Ne nur en Turista tago, sed preskaŭ ĉiutage okazis ekskursoj al mirindaĵoj de Suda bordo de Krimeo: Livadia palaco, kie estis subskribita kontrakto inter Stalin, Ruzvelt kaj Ĉerĉil; Masandra parko kaj cara palaco; Alupka parko kaj palaco de grafo Voroncov; Nikita botanika ĝardeno; Hirunda nesto… Pola grupo el Bjalistoko, naskiĝurbo de L.Zamenhof, kaptis ankaŭ la ŝancon viziti Baĥĉisaraj kun la fama palaco-muzeo, supreniĝi al Aj-Petri, kies majesta tridenta rokaro videblis el nia loko…

Sed ne pensu, ke ni ĝuis nur turiste. Vera plezuro por la esperantistoj estas altkvalitaj kursoj kaj seminarioj, kie ili povas ekscii ion novan kaj altigi sian lingvoscion. Do, la instrua parto, kiel ĉiam, estis forta flanko de la renkontiĝo. Okazis trinivelaj kursoj (por komencantoj, progresantoj kaj perfektiĝantoj). Ankaŭ funkciis kutimaj por AJ seminarioj por Ĉe-metodaj instruistoj. Jam la kvinan fojon vizitis Jalton senlaca kaj de ĉiuj amata,

ĉarma Eva Bondar el Pollando, gvidantino de A- kaj B-seminarioj pri Ĉe-metodo. Kaj ĉi-jare, la unuan fojon sur la teritorio de eksa Sovetunio, niaj homoj povis ekzameniĝi en C-nivelo kaj ricevi la diplomon de Internacia Esperanto-Instituto en Hago. Sukcesis 6 personoj el Ukrainio. La seminarion gvidis speciale veninta direktoro de IEI Atilio Orellana Rojas, kiu partoprenis ankaŭ Someran Universitaton, verve kaj artisme prezentinte la manierojn, per kiuj homoj gestas en diversaj landoj. Oni opinias, ke la lingvo de gestoj estas internacie komprenebla. Tute ne! La gestoj tre malsamas en la mondo, kaj ofte estas tute nekompreneblaj por alilandano. Nur Esperanto estas vere internacia lingvo. Tre interesa kaj utila por ni estis ankaŭ prelego de Irina Gonĉarova pri novaj ludoj en Esperantujo.

Novan faceton al AJ donis agado de Jefim Zajdman, kiu nun okupiĝas pri historio de Eo, precipe pri E-pioniroj. En 1991 en Jalta aperis (eble, la unua en eks-USSR?) memortabulo al d-ro Ostrovskij, E-pioniro, kiu proponis en 1905 la nunan flagon de Eo. Ĉi-jare estis inaŭgurita la dua memortabulo, omaĝe al N.A.Borovko, E-pioniro, al kiu L.Zamenhof sendis sian faman leteron pri apero de Esperanto. Ne vane venis al Jalta s-ino Monika, nepino de Valdemar Langlet, E-pioniro kaj nobla homo, savinta multajn judojn dum la dua mondmilito. En gazetaro aperis artikolo de J.Zajdman "En la ombro de Vallenberg". Vere, V.Langlet estis figuro ne malpli elstara ol R.Vallenberg; sed pri li oni scias preskaŭ nenion. La Historia vespero dum AJ estis dediĉita al esperantista familio Borovko-Ĉajkovskaja-Langlet, ĉiuj – aktivaj agantoj de E-movado en ĝia aŭroro.


*Atilio Orellana Rojas kun la seminarianoj (la unua de maldekstre estas Monika Langlet)*

Nian renkontiĝon vizitis tre agema kaj kantema pola grupo. Ili vere plibeligis la aranĝon, doninte al ĝi internacian guston. Poloj kunprenis multajn kantarojn, disdonis ilin al la publiko, kaj ni povis kune kanti. Unu vespero, organizita de Nina Daniljuk, estis plene dediĉita al komuna kantado, deklamado, ŝercado, teatrumado. Tre varma etoso estiĝis en malvarma halo dum tiu senpretenda, sed vere amika kaj internacie amikiga vespero. Kaj poste la gastoj okazigis kvizon pri Bjalistoko, Zamenhof, historio de Eo. Kelkdek demandoj rangis de tre simplaj ĝis tute nerespondeblaj. La plej bona respondanto iĝis Pavel Moĵaev el Jalta; sed neniu foriris el la halo sen ĉarma donaco, preparita de la pola delegacio: ledaĵo, paperujo, bildkarto. Ankaŭ en butiko vendiĝis belaj polaj bildkartoj kaj interesaj libretoj pri Bjalistoko kaj Zamenhof.

Mi diru, ke vespera programo estis iom obtuza, kompare kun la brilaj instrua kaj turista. Eble, tio koncernas nur kelkajn programerojn: KGS, Intelektajn Ludojn, Kuru-Kuru partoprenis nemultaj homoj. Ĉu tiuj okazaĵoj jam triviĝis, kaj oni devas trovi ion novan, pli modernan? Sed menciindas nova ideo: "hejma teatro" kun kelkaj parolantaj ĉefrolantoj. La teatraĵon laŭ motivoj de la fabelo de Andersen "La imperiestro kaj la najtingalo", verkitan en ritmigita prozo, prezentis Odesa grupo.

Kaj en alia vespero Odesa junulara E-klubo "Verdaĵo" prezentis siajn videofilmojn, kreitajn en Eo. En 2001 ili faris 7-minutan videofilmon pri naturo; kaj en 2002 – jam 22-minutan, pri vidindaĵoj de Odeso, vivo de JEK "Verdaĵo", la monumento kaj nova portreto

de Zamenhof, kreitaj en Odeso, kaj ankaŭ pri naturaj perloj de Ĉenigramarujo. La filmoj ne estas amatoraj, sed profesie faritaj; tamen, pro mankoj de la loka tekniko, la teksto tre malbone aŭdeblis, kio dormige influis la publikon.

Kaj certe, dirante pri "obtuzaj" vesperoj, mi tute ne aludas la vere brilajn koncertojn de niaj bardoj A.Koval kaj P.Moĵaev. La delonge konata A.Koval ĉiam tenas alte la nivelon de siaj lirikaj, sentoplenaj koncertoj. Kaj "leviĝanta stelo" P.Moĵaev montris sin en ĉiuj ĝenroj: meditaj, ironiaj, filozofiaj kantoj; IVASI, Ŝĉerbakov, E.L.Webber, Dina Lukjanec, "popolaj" E-kantoj… Tiu homo estas talenta ne nur en kantado: li bonege tradukas, gvidas Interretan "Школа эсперанто" (Lernejo de Esperanto), aktivas en E-movado. Mi certas, ke lia nomo estos konata kiel unu el la plej sublimaj en nia sfero.

Kaj jen tiu, kies nomo jam estas tiel konata – V.Soroka. Li revenis al publiko; en Poltava li kreis muzikan ensemblon, kaj en AJ li prezentis malgrandan koncerton kun akompano de fluto – juvelon, kiaj estas ĉiuj liaj koncertoj. Liaj novaj kantoj, eble, iĝis pli profundaj, sed neniel perdis sian ĉarmon kaj fajnan belsonecon, kiu tiel ravas en liaj kreaĵoj. En Poltava li gvidas elitan E-kurson "Septima", kaj junie organizas familian E-tendaron "Arĝentaj poploj" kun elstara programo.

Do, de "Aroma Jalta" – al "Arĝentaj poploj"; poste Ekspedicio laŭ la rivero Dnestro, piedmarŝo laŭborde de Nigra maro de Aluŝta ĝis Feodosija; "Zamenhof-tagoj ĉe Zamenhof-monumento" en Odeso, "Hoverlano" en Ternopil, Novjaro en Ivano-Frankivsk, "Jumorina" en Odeso, "Velura sezono" promesita… Ĉu Esperanto-agado en Ukrainio reviviĝas? Oni tre dezirus kredi tion.

***Verdulo***

## IMPRESOJ PRI "AROMA JALTA 2003"

*Esperanto, bela Esperanto.*
*Esperanto, lernu ĝin kun ni.*
*Lernu pri Aroma Jalt',*
*Lernu pri Aroma Jalt',*
*Aroma Jalt' – Aroma Jalt',*
*Aro-ma Jal-to!*
*(lernokanto de polaj geesperantistoj)*

La tradicia aranĝo de ukrainiaj esperantistoj "Aroma Jalta 2003" okazis ĉi-jare la 01-11-an de majo en Krimeo, en la turista bazejo "Lastoĉka" (Hirundo) en la montoj apud Jalta.

La modelo de la renkontiĝo celis doni al ĉiuj esperantistoj la eblojn praktiki kaj progresigi la lingvon. Matene okazis lingvaj kursoj de 3 gradoj: 1. Por komencantoj (gvidis Nina Daniljuk); 2. Paroliga (Aleksandro Koval); 3. Perfektiga (Tatjana Auderskaja).

Internacia karaktero de la partoprenantaro kaj sufiĉa kvanto de spertaj esperantistoj rezultis je apero de nova verda respubliko, kies lingvo estis Esperanto. Por instruemaj homoj estis interesaj kaj utilaj la seminarioj por eduko de Ĉe-metodaj instruistoj: A-seminarion gvidis Ewa Bondar (Pollando) kaj C-seminarion – Atilio Orellana Rojas (Argentino-Nederlando). Post la seminariaj ekzamenoj en nia Esperantujo aperis pli da novaj diplomitaj Ĉe-instruistoj.

Al la sukceso multe kontribuis la naturo: freŝa monta aero, senlima Nigra Maro kaj vekiĝanta Krimea flaŭro. Ne estas surprizo, ke en tiu emocia etoso la partoprenantoj ravis unu la alian per siaj kantoj, dum la koncertoj de Vladimir Soroka, Pavel Moĵajev, Aleksandro Koval. Oni povis konvinkiĝi, ke geesperantistoj estas tre gajaj kaj spritaj dum Interkona vespero kaj poste – KGS (Klubo de Gajaj kaj Spritaj), ambaŭ gvidis Katerina Semjonova. Dum KGS konkuris la teamoj de Konstantin Demjanenko kaj A.Koval kaj venkis la [illegible] La turistemaj geamikoj povis dum 2-taga turista marŝo viziti la akvofalon "Ĝur-Ĝur".

Kvankam nia bazejo estis for de Jalta, preskaŭ ĉiutage okazis ekskursoj al la vidindaĵoj de Krimeo. La printempo ĉi-jare estis nekutime malvarma, kaj ni sukcesis vidi la renaskiĝantan naturon. Kaj post la aranĝo estis planata ankoraŭ unu 3-taga turista marŝo en montoj (gvidis Vjaĉeslav Katin kaj Miĥail Ĵdanov). Por aŭgusto estas planata semajna marŝo laŭ Suda Bordo de Krimeo. Vere, indas viziti tiun ĉarman lokon almenaŭ unu fojon en la vivo!

Sed ne mankis la aranĝoj por cerbumemaj gesamideanoj. La lastaj sukcesis provi siajn intelektajn fortojn dum la Intelektaj ludoj (Tatjana Auderskaja). Tri teamoj konkuris, solvante diversajn intelektajn taskojn, respondante la diverstemajn demandojn; gajnis la teamo "Intelekt-Bando" el Belorusio (kapitano – Alla Fridman, Gomel).

Ĉiuvespere funkciis librobutiko (T.Auderskaja), kie ni povis akiri diversajn E-librojn, bildkartojn, insignojn ktp.


*grupo de sukcesintaj dum la C-ekzameno sub himalajaj cedroj*

Por plivastigi siajn horizontojn la aromajaltanoj partoprenis Universitaton. Atilio pasie, gaje kaj brile prelegis pri la lingvo de korpo. Li konkludis, ke ofte dum Esperanto-aranĝoj okazas miskomprenoj ĝuste pro nescio de la vera senco de neverbala leksiko. Irina Gonĉarova kaj T.Auderskaja rakontis pri didaktikaj ludoj kaj ankaŭ praktikis ilin. La historio de nia movado kvazaŭ denove aperis antaŭ niaj okuloj kiam ni aŭskultis la rakonton de jaltano Jefim Zajdman pri Esperanto-pioniroj en Jalta. Por la partoprenintoj de Aroma Jalta estis surprizo konatiĝi kun Monika Langlet (Svedio) – la nepino de Nina Ĉajkovskaja kaj Valdemar Langlet.

Pri la lignofajro necesas diri aparte. Ĝi okazis preskaŭ ĉiunokte. Kaj la fajrejo troviĝis iom for de la bazejo. Tial nokte oni devis iri laŭ longa malluma vojo, laŭ krute-kurba ŝtuparo, lau ŝtonozaj padoj inter la rokoj, tenante la manojn unu de la alia por ne perdiĝi. Finfine ni atingadis la fajrejon, kie baldaŭ aperis la lignofajro, ekdancis la fajreroj, eksonis la kantoj sub gitara akompano. Dum la noktoj ni povis aŭdi la kantojn ankaŭ en la rusa, pola, ukraina kaj belorusa lingvoj.

Sed dum la aranĝo regis lingva disciplino. Kaj tradicie por tiuj, kiuj malobeis la disciplinon, ĉiumatene estis preta ludilo-punkrokodilo, kiun oni surkoligis por la tuta tago al plej eminenta krokodilo. Estis interesa fakto: dum la aranĝo naskiĝis neologismo "marŝrutko" – buseto, iranta laŭ certa itinero. Tiu vorto, interalie, tre plaĉis al polaj geamikoj. Kaj vere, "marŝrutkoj" iĝis la plej populara transportilo dum "Aroma Jalta 2003".

Dum adiaŭo sonis la populara inter ekssovetiaj esperantistoj kanto de V.Soroka "Ni renkontiĝos" kaj pola-internacia "Amiko mia, adiaŭ". Larmoj en la okuloj de forveturontoj pli ol la vortoj elokventis, ke en estonta jaro ni renkontiĝos en "Aroma Jalta 2004". En nia verda respubliko – nia kara Esperantujo apud la nigra maro.

***Aleksandro Koval (Gomel, Belorusio)***

***Jekaterina Semjonova (Berdjansk, Ukrainio):***

Miaj impresoj de AJ – malvarmaj ĉambroj, grandega manĝejo (klubejo) – tre oportuna; bela naturo ĉirkaŭ ripozejo (lagoj), multege da interesaj homoj (aparte poloj), koncertoj (HO-O-O-O-O!!!) de Paŝa, Koval kaj Volodimir Soroka, kantoj ĉe lignofajro (kaj la vojo tien kaj reen), kaj, certe, bonega A-seminario kun Eva, eble la plej grava impreso.

---

***Konstantin Demjanenko (Berdjansk, Ukrainio):***

Laŭ mi AJ estis eksterordinara aranĝo laŭ kelkaj trajtoj. Unue, venis multaj eksterlandanoj (9 landoj), kaj en la aranĝo oni povis tre bone praktiki Esperanton. Do, ĉi AJ estis tre paroliga. Due, samtempe okazis du Ĉe-metodaj seminarioj: enkonduka kaj diplomiga. Trie, AJ okazis en la ĉarmega Krimea regiono apud la ĉarmega Jalto. Vere estis iuj organizaj fuŝoj, mankoj, problemoj, sed, ŝajnas, denove neniu bedaŭris, ke decidis dediĉi semajnon komence de majo al partopreno en "Aroma Jalto".

---

***Jefim Zajdman (Jalta, Ukrainio):***

La plej impona programero estis vespera koncerto de Pavel Moĵajev. Ĝi estis sufiĉe longa (triparta) kaj brila. La unua parto estis precipe konataj kantoj, la dua – tradukitaj de la kantisto mem, kaj la tria – kantoj de la konataj E-ensembloj: Teamo, Porkoj, Kajto, Ĵomart kaj Nataŝa. Tre impresis arioj el la rok-opero de Vebber "Evita", tradukitaj de Pavel kaj plenumitaj profesie. Ĉiuj sentis, ke koncertas talento. Kaj mi, kiu konas la "stelulojn", povas diri, ke aperis nova vera esperantista stelulo internacinivela.

---

***Alisa Boĵko (Zaporoĵje, Ukrainio):***

Ĝi estis la unua fojo, kiam mi partoprenis en Esperanta festivalo, ĉar mi estas nova esperantistino. La starto estis bonega por mi. Mi estas kontentega pri la tempo, pasigita en Jalto. La atmosfero de amikeco tre plaĉis al mi, kaj mi estis ravita per la neordinara sento de unio, kiu estis en nia rondo. La diverseco de la interesaj ludoj kaj konkursoj ebligis ne enui kaj ekkoni multajn interesajn homojn el aliaj landoj. Mi sentis tre forte veran ligon inter ni kaj fremdlandanoj. Mi estas certa, ke neniu alia lingvo povas provizi same fortan ligon. Krome, ĝi estis unika okazo por lerni, evoluiĝi, ripozi kaj fortigi la sanon samtempe. Do, mi deziras ke similaj festivaloj okazu pli ofte kaj en sama amikeca maniero.

---

***Jelena Butorina (Tjumenj):***

Mi decidis veni al tiu aranĝo ĉefe pro la seminario pri Ĉe-metodo kaj ebleco plibonigi mian E-lingvoposedon. Do, mi sukcese plenumis tiujn taskojn – de diplomita Ĉe-instruistino Ewa Bondar ricevis diplomon, ĉeestis dum prelegoj de prezidanto de IEI Atilio Orellana Rojas (kiuj trapasis en amuza, gaja kaj amika etoso), kaj mi bone praktikis la lingvon dum la aranĝo, dank' al reginta severa lingvodisciplino, al kiu tre helpis la ĉeesto de multaj eksterlandanoj. Sed krome mi povis aŭdi fremdlingvan paroladon (ekster la tendaro dum ekskursoj), konatiĝi kun novaj interesaj homoj kaj vidi multajn Krimeajn vidindaĵojn (min tre impresis la ekskurso en Nikita Botanika Ĝardeno, kun diversaj ekzotikaj plantoj, pri kiuj mi sciis nur el libroj kaj filmoj). Krome la amika kaj egaleca etoso, kiu regis dum la tuta aranĝo, lasis tre agrablajn impresojn, precipe al mi plaĉis la komuna kantado – malgraŭ manko de bela kanta voĉo mi kun plezuro kantis kune kun la aliaj famajn E-kantojn ĉe ĉiunokta lignofajro, kaj tio helpis al mi kurtigi mian rean vojaĝon per trajno hejmen. Mi ankaŭ partoprenis en multaj interesaj kaj amuzaj konkursoj kaj ludoj. Kaj nun mi pensas, ke Esperantujo estas multinsula lando, kaj mi sukcesis malfermi por mi ankoraŭ unu el ĝiaj ĉarmaj insuletoj.

## JALTO VERE AROMAS...

De kelkaj jaroj minimume unufoje en la jaro ni partoprenas E-aranĝojn ekster orienta pola limo. Maje 2003 okazis “Aroma Jalto” en Krimeo, organizita de Ukrainia Esperanto-Asocio. Pejzaĝoj de Krimeo estas belegaj kaj prezoj – ĝis nun favoraj por pola poŝo. Bonkora loĝantaro volonte helpas eksterlandanojn. Kono de la rusa lingvo multfoje helpis nin, ĉar ĉiĉeronoj en muzeoj bedaŭrinde ankoraŭ ne parolas Esperante...

La vojaĝo de Bjalistoko ĝis Jalto daŭris preskaŭ 2 diurnojn. Ripozejo, en kiu okazis la aranĝo, troviĝis ekstere de Jalto, sur montopinto en arbaro. “Aroman Jalton” oficiale partoprenis 77 personoj el 9 landoj, sed sur la komuna foto mi nombris nur 39 kapojn. Kiom da homoj fakte partoprenis?

Ĉi-jara printempo malfruiĝis kaj venis Krimeon kune kun ni. Okcidentanoj ektimis malvarmajn ĉambrojn kaj mankon de varma akvo. Ili ekloĝis en centro de Jalto kaj venadis kongresejon per taksio nur por partopreni Ĉe-seminarion. Aliaj pro ŝparado ekloĝis en proksima vilaĝeto. Poloj vole-nevole aprobis la kondiĉojn kaj restis en la ripozejo. Jam komence interligo de la aranĝo estis rompita. Malmultaj homoj partoprenis ĉiutagajn matenajn kunvenojn. Al ni tre plaĉis matenaj E-kursoj (3-gradaj). Geinstruistoj estis perfektaj, kaj lecionoj okazis simple sur la placeto apud la ripozejo, sub la varma krimea suno. Unuajn noktojn ni dormis sub 4 litkovriloj, do matena suno estis vere bezonata por bona humoro. Seminarioj de Ĉe-instruistoj okazis en “siberiaj kondiĉoj” de malvarma akceptejo.

Posttagmeze oni planis por ni turisman programon. Pro la situo de nia ripozejo perpieda alveno kien ajn estis tre embarasa. Ni preskaŭ ĉiutage luis buseton (“marŝrutko” – nova E-vorto, kreita dum AJ) por moviĝi senprobleme kaj vere malmultekoste. Ni piedmarŝis kaj ŝipiris al Hirunda Nesto (simbolo de Krimeo), ni telferis por ekvidi ĉirkaŭaĵon de la montopinto Aj-Petri. Ni eĉ rajdis sur kamelo en tatara tendaro. Bonvenigis nin Baĥĉisaraj – iama ĉefurbo de krimeaj tataroj kaj Ĉufut-Kale – roka urbo de karaimoj. La 9-an de majo ni ekvidis tradician paradon de la Venko en Sebastopolo. Ĉarmis nin palacoj en Alupka, Livadia, Massandra, sed precipe – la naturo de Krimeo. La suno laboris eĉ tro multe: ne pluvis kaj, restante la tutan tagon ekster la domo, ni sunbruniĝis tre rapide (kaj dolore!).

Vespere dormemaj pro laceco ni renkontiĝadis en malvarma manĝejo. Pro akurateco ekfamis nur poloj. Organizantoj demonstris stoikecon kaj eble ne komprenis, pro kio ni kapricas. Vespera kulturprogramo tre ofte estis improvizita, malmulte da personoj frekventis ĝin. Amuziĝis nur la grupeto, kiu bonege posedas la lingvon. Kiel perletoj por ĉiuj okazis vesperaj gitarkoncertoj de Paŝa Moĵajev kaj Aleksandro Koval.

Por tiuj, kiuj noktomeze ne estis dormemaj, la artprogramo daŭris ĉe lignofajro en najbara arbaro. Oni kantis ne nur Esperante, sed ankaŭ ruse, pole, ukraine... Tiu nokta, lignofajra etoso vere proksimigis homojn: ofte babilado estis rompata per rido kaj ŝerco. Ĉiuj partoprenantoj longe memoros lunon kaj stelojn brilantajn sur la nokta krimea ĉielo.

Dum la longa reenvojaĝo ni diskutis pri niaj impresoj kaj ĉiuj interkonsentis, ke valoris vojaĝi Krimeon! Beleco de Krimeo venkis ĉiujn malfacilaĵojn. Ekz. aĉetado de revenaj trajnbiletoj en Pollando estas facila afero, sed ne estas komputilaj ligoj por rezervi ĝustajn dormolokojn en la revena vagono (unu vagono, ne tuta vagonaro!), kiu 1-foje en la semajno veturadas de Simferopolo al Varsovio. Pro manko de bileto ni “kontrabandis” usonan esperantiston Davidon, kiu en la lasta momento decidis vojaĝi kun ni Varsovion, ĝis Kievo. Tie li sukcesis ricevi bileton en novan vagonaron. Delikateco ne permesas rakonti, kun kiom da personoj Davido “dormis” survoje pro manko de propra loko!

Por la venonta jaro organizantoj planas “Veluran Sezonon” septembre. Ne perdu okazon!

***el la lulilo de Esperanto Nina Pietuchowska kaj Ela Karczewska (Bjalistoko, Pollando)***

HIERAŬ

## EN SUZDALJ EKSONIS KANTO DE KANTOJ

Kiel oni amis en la antikvaj Grekio kaj Romio? Kiel oni amindumis en la mezepoka Eŭropo? Plej verŝajne, tiujn demandojn povus respondi nur tiutempaj vivintoj. Tamen ĉu ni provu tion ekscii? Tiel naskiĝis Historia Esperantista Renkontiĝo Aŭtentika (HIERAŭ-1) kaj ĝia temo – "Kanto de kantoj". La ideon ekhavis Maŝa Ĵukolina, nia pasia historiistino kaj filozofino.



*post kelkaj minutoj komenciĝos la kavalira turniro*

Dum kvar (1-4-a) varmaj majaj tagoj partoprenintoj de HIERAŭ travivis en Suzdalj kvin epokojn – Antikvecon, Mezepokon, Renesancon, Galantan 17-an kaj Romantisman 19-an jarcentojn. Mi pensas, ke suzdalanoj simple jam alkutimiĝis al ĉiuj tipoj de stranguloj. Ĉar ili tute ne miris, vidante, kiel ni promenis tra la urbo nudpiede, ligitaj po du (aŭ eĉ po pli) per ŝnuretoj. Kaj foje ili povis rimarki homojn en tunikoj aŭ belaj roboj. Vere, kiam vi estas en punta robo sur krinolinoj, vi sentas vin tute alie: vi moviĝas, kvazaŭ dum balo, vi rigardas enigme…

Al HIERAŭ venis 42 homoj el diversaj urboj de Rusio, plejparte gejunuloj. Laŭ statistiko ĝi iĝis la unua E-aranĝo por 8 el ili. Mi povas diri, ke HIERAŭ estis sukcesa, krom unu momento: preskaŭ tuta manko de Esperanto. Min mirigis tio, ke la novuloj kaj komencantoj interesiĝis pri nia lingvo kaj tute ne kontraŭis eklerni iom da frazoj. Tamen ni, E-parolantaj gejunuloj, timis komuniki Esperante, ĉar ne volis lasi la aliajn ekster komunikado…

Jen estas kelkaj impresoj, eldiritaj antaŭ la disveturo sur peroneto de antikva ligna domo:

"Mi sentis koncentriĝon de bona etoso, belaj knabinoj, amo, amikeco…" *(Paŝa Marutenkov).*

"Suzdalj estas rava! Mi trafotis la tutan fotilon! Al mi plaĉis porti robon, paroli heksametre, aŭskulti kantojn en mallumo kun kandeloj…" *(Nataŝa Medvedeva).*

"Interese estis sortodiveni per kandeloj. Sed mi ne komprenas, kial formo de degelinta vakso ĉiam similis al embrionoj?" *(Alisa Ŝoliĉeva).*



*la eksperimento montris: Garik Kokolija facile lokiĝas en la bagaĝujo de Mikaelo Bronŝtejn*

"Dum koncerto de Mikaelo Bronŝtejn mi estis mirigita, ke en Esperanto eblas kanti. Nun mi volas lerni tiun lingvon…" *(Saŝa Saĥarov).*

"Min impresis ĉielo plena de steloj-diamantoj" *(Diana Sakajeva).*

"Restu ni ĉi tie!…" (Nadja *Sizganova).*

***Sonjo Ŝejnina (Ivanovo)***

***P.S.*** *Ivanova junulara E-klubo "Teamo" jam planas HIERAŭ-2 por majo 2004. Ĝi havos novan temon…*

*Sube vi trovos la meditojn de Sergej Bozin pri la festivaloj EoLA kaj E-arto ĝenerale, verkitajn en la formo de respondoj al demandoj de ĵurnalisto.*

## EoLA-15: LA FESTIVALO DE SIBERIA ESPERANTA KULTURO

***Esperanta kulturo. Komunaj kaj apartaj problemoj. Ses ensembloj de Sergeo Bozin.***

*05-09.03.03 en la ripozbazejo "Timurovec" apud Novosibirsko okazis EoLA-15, kiu kolektis pli ol kvindek esperantistojn, ĉefe el la urboj de Siberio: Novosibirsk, Krasnojarsk, Tomsk, Tjumenj, Novokuzneck, Irkutsk; estis ankaŭ reprezentantoj de Moskvo kaj Sankt-Peterburgo. Kun Sergeo Bozin (Krasnojarsk) – partoprenanto de vesperaj koncertaj programoj – interparolas nia korespondanto Ilja Ĥlebnikov.*



***Kor.*** Sergeo, kiujn EoLA-jn vi partoprenis kaj kiuj estas la specifecoj de la lasta?

***S.*** EoLA-15 estis mia kvara festivalo. La unua specifeco – ĝi estis siberia kaj la programon faris preskaŭ nur siberiaj esperantistoj. La baza ideo de ĉi EoLA – konatiĝo kun tutmonda kulturo. Estis organizitaj Germana, Hispana, Franca, Rusa, Angla, Japana ĉambroj, kaj dum prezentoj de la ĉambroj (kaj trarigardante konformajn ekspoziciojn) esperantistoj konatiĝis kun kulturo de la popoloj. Ĉiuj prezentoj estis bonaj, sed al mi plej plaĉis la prezento de Japana ĉambro, ŝajne ankaŭ pro tio, ke ni praktikis japanan kulturon per kolektiva verkado de hajkoj kaj plenumo de "Japana kanto" kun nia ensemblo kaj… Estis ankaŭ laborgrupoj, kie esperantistoj praktikis artan mankreadon… Al multaj tre plaĉis la ekskursoj al muzeo de Suno kaj infana kinostudio…

Nokte estis diskoteko "ĝis falo" en rekta senco de ĉi vorto. La dancmuziko, kolormuziko kaj diskestro estis tiom bonegaj, ke la esperantistoj dancis ĝis plena elĉerpiĝo, "ĝis falo". Knabino Maŝa, ekzemple, falis trifoje, sed nepre leviĝis kaj daŭrigis la dancadon… Nur post la kvara falo, kiam ŝi lezis brakon, Maŝa forlasis la diskotekon. Sed kiam mi ekvidis ŝin sekvamatene kun la bandaĝita brako – ŝi daŭrigis dancmovojn per ankoraŭ sanaj korpopartoj.

***Kor.*** Kaj ankoraŭ?

***S.*** Kompare kun EoLA-14 min ĝojigis apero de novaj aŭtoroj. Mi feliĉas, ke en nia grupo krom mi estis ankoraŭ du personoj, kiuj kantis proprajn kantojn kaj fariĝis laŭreatoj de EoLA-15. Kun Nina Turko mi jam kelkajn jarojn kunlaboras kadre de "Проект Второе Внимание" (Projekto Dua Atento). Pasintjare ŝi komencis lerni Esperanton kaj antaŭnelonge tradukis el la rusa kaj verkis Esperante kvin sufiĉe interesajn kantojn, kiujn kun akompano de nia ensemblo kajntis kaj gitar-flut-ludis dum la festivalo. Kun Kostja Ĥlizov (Hendriks) mi konatiĝis antaŭ kvar jaroj dum la festivalo de artoj "Bajkaljsk-1999". Li estis flutisto de la irkutska grupo "Вересень" (ukrainlingve – Septembro). Pasintsomere Kostja alvenis Krasnojarskon kaj proponis muziklabori kune. Kiam mi eksciis, ke li estas esperantisto, mi invitis lin partopreni en EoLA. La inspirita Kostja komencis traduki en Esperanton siajn kantojn, kaj rezulte li kantis (sole kaj kun la ensemblo) dum la festivalo ĉirkaŭ dek siajn kantojn. Krome Hendriks interese flutludis en stilo de la grupo "Jethro Tull" (Ĝetro Tal). La kantoj de Nina kaj Kostja plaĉis al la esperantistoj. Mi vidis, kiel ili aliris la muzikistojn, demandis pri la kantoj kaj eĉ reskribis ties vortojn…

***Kor.*** Sergeo, vi sufiĉe aktive partoprenas kulturvivon de Rusia Esperantujo dum lastaj kvin jaroj. Kion vi povas diri pri ĝia evoluo?

***S.*** Ĉu pri la bona aŭ la malbona?

***Kor.*** (*ridetante*) Nu, komence pri la bona.

***S.*** Bone estas, ke E-kulturo ekzistas kaj estas verkistoj kaj muzikistoj, kiuj okupiĝas pri ĝi dum multaj jaroj, kaj kiujn ni ĉiuj ŝatas. Bone, ke estas Mikaelo Bronŝtejn – vera animo de nia Movado – kun sia rideto, kun siaj kantoj… Mi povas nomi ankoraŭ dekon da nomoj…

Estas malbone, ke dum lastaj kvin jaroj neniu vidis seriozajn novajn aŭtorojn. Malbone, ke multaj el ni (muzikistoj-esperantistoj) tute ne plialtigas sian profesian nivelon. Pro kio plialtigi? Ĉiu okupas sian niĉon. Konkurenco malestas. Novuloj mankas. Estas tempo de stagno. EoLA-14 (Ĉeboksari, 2002) estis klara indiko ĉi-rilate. Bonegaj amasaj dancoj, teatraĵoj, ĥorkantado kun allogo de lokaj profesiuloj. Sed – neniu nova verkisto, muzikisto, neniu nova Esperanto-Nomo majuskla.

Ĉiu vidas la situacion, sed neniu volas ion ŝanĝi. Tutan energion ni direktis al la instruado. Bona afero. Bonaj instruistoj. Sed kie estas tiuj homj, kiujn ili tiel bone kaj tiom multnombre instruis? Pro kio la kvanto de aktivaj esperantistoj (kun pli ol 2-3-jara E-staĝo) fakte ne kreskas? Laŭ mi ĉefa kialo estas jena. La instruistoj komence profesie interesigas la novicojn pri E-mondo. La homoj ekkredas la instruistojn. Sed post la engaĝiĝo ili seniluziiĝas. Nu, eblas kun esperantistoj ĝoje pasigi tempon; nu, eblas perfektigi la lingvon… Por kio? Legi la literaturon kaj kanti tradiciajn komunajn kantojn? Aŭ aŭskulti E-bardojn, kiuj kantas ĉefe por spertuloj? Sed novaj kantistoj, verkistoj, muzikistoj – kie ili estas?



*siberiaj frostoj tute ne mankis dum EoLA-15*

Ĉu ne ŝajnas al vi, miaj karaj geamikoj, ke ni paŝ-post-paŝo perdas nian kulturon, kaj pri tio kulpas sole ni mem? Kie estas nun Barabaŝka, la grupo “Ekvinokso”, Nataŝa Nazariĉeva ktp? Tiuj ĉi muzikistoj vivas, sed jam ne inter ni… Ili seniluziiĝis pri Esperanto – pro kio?

… Mi ekmemoris mian lastan konversacion kun Valera Vorobjov (membro de “Ekvinokso”) dum la fama EoLA-10 en Ivanovo, kie kolektiĝis ĉiuj aktivaj muzikistoj de Post-Sovetio. Li diris: “Ni jam dum kelkaj jaroj estas sola Esperanto-grupo en Rusio. Kial? Por kiuj ni bezonatas? Kie estas anstataŭanta generacio?”

Unu freŝa ekzemplo el mia propra praktiko. Por EoLA-14 mi sukcesis kunvenigi bonan ensemblon, kie partoprenis profesiaj kantistinoj el Krasnojarska opera teatro. Mi kun Evelina Sokolova esperantigis ilin. Ĉirkaŭ duonjaron ni pretigis koncertan programon, kiun prezentis en la Krasnojarska klubo kaj poste – en EoLA. Multajn kantojn ni speciale verkis por tiu EoLA (vidu pri tio mian artikolon en REGo № 3(10), 2002)… Dufoje ni koncertis dum la festivalo (en barda kafejo kaj en granda halo) kun granda sukceso. Esperantistoj dankis nin pro la koncerto, petis la sonregistraĵojn… Niaj financaj rimedoj, elspezitaj por partopreni en EoLA-14, estis egalaj al nia monata enspezo. La organizantoj neniom repagis al ni. Ŝajne por iuj tio ĉi estas normala, sed por niaj novulinoj estis mirinde, kaj ili perceptis la situacion kiel malestimon al laboro de artisto. Ŝajne ankaŭ mi pri tio kulpis. Mi multe parolis al miaj novaj muzikistoj pri Esperanta etoso, ke esperantistoj estas tre bonaj homoj, kiuj tre ŝatas siajn muzikistojn, ĉiam helpas ilin. Ja dum antaŭaj EoLA-j la organizantoj ĉiam helpis

muzikistojn, kiuj prezentis grandajn koncertajn programojn. Mi miris, ke la organizantoj invitis nin, sed ne promesis ian helpon, mi esperis ĝin ĝis la lasta tago de tiu EoLA…

… Respubliko Tuvio, la Festivalo de Viva Muziko "USTUU ĤUREE-2000". Tie mi partoprenis en konsisto de "Проект Второе Внимание"… La popolo estas ne tiom klera kaj riĉa eĉ kompare kun la rusa. Ĉi festivalon organizis ne la registaro, sed Tuviaj ŝatantoj de muziko kaj kulturo, kaj ili trovis helpantojn, kiuj aranĝis senpagan manĝadon por ĉiuj partoprenantoj (pli ol cent muzikistoj) dum kvin tagoj, senpage loĝigis ilin kaj transportadis al la koncertejoj (mi jam ne parolas pri grandioza bankedo ktp). Mi komprenis, ke Tuvia popolo zorgas pri evoluo de sia kulturo kaj, sekve, zorgas pri sia estonto kaj nepre havos estonton… ja popolo, kiu ne zorgas pri sia kulturo, ne ŝatas sian kulturon, – ne havas estonton.

Diri pri Esperanto-popolo… mi jam sufiĉe diris. Ne mirindas, ke talentaj novaj E-muzikistoj, kiuj en nia ensemblo partoprenis en la 14-a EoLA, seniluziiĝis pri Esperanto kaj rifuzis partopreni en EoLA-15.

Pro kio ankoraŭ vivas Esperanto? Ĉu ĉar ĝi estas la plej facila lingvo, kiu ne havas komplikan gramatikon, sed havas logikon, kaj nun estas la dua post la angla en Interreto? Se demandi la homojn "Kiun vi ŝatas el inter esperantistoj?", mi ne estos surprizita, ke multaj nomos ankaŭ niajn verkistojn kaj muzikistojn. Pro kio? Ĉu ĉar ili perlaboras multe da mono, estas superhomoj?…

Mi konas multajn muzikistojn, verkistojn, kantistojn, kaj kiam mi aŭskultas iun, antaŭ ĉio mi sentas animon de la artisto. Ekzemple (pardonu min, Mikaelo), kiam mi aŭskultas Bronŝtejn-on, mi ne analizas liajn tekstojn, sed ĝuas movojn de lia belega animo… Ankaŭ la patro de nia ŝatata lingvo L.Zamenhof estis verkisto kaj iomete muzikisto (antaŭ la Soveta potenco ĉiuj kleruloj lernis muzikon kaj scipovis ludi kelkajn muzikilojn), havis belegan senteman kaj poeteman animon, kiu enspiris vivon en la belan floron – Esperanton.

Sen animo forestas vivo, estas nur senanima kovrilo. Kaj se niaj malnovaj kulturkreantoj foriros kaj neniu anstataŭos ilin, la korpo sen animo mortos, malgraŭ profesia instruado.

***Kor.*** Ĉu pentristoj, poetoj, muzikistoj ne estas tiaj samaj, kiel aliaj homoj?

***S.*** Parte aliaj. Arto postulas de siaj istoj plenan memrezignon. Por ke estu bona artisto, li devas direkti multege da energio al fonto de sia inspiro, multege da tempo dediĉi al la elektita arto. Sed kie li povas preni la energion kaj la tempon? Nur forrifuzinte iun parton de kutima vivo. Pro tio al ni ofte ŝajnas, ke artistoj estas strangaj homoj, kiuj strange vivas, nomas sian arton laboro, malgraŭ ke ofte ĝi donas neniun enspezon, nur forprenas multegon da forto kaj tempo… Ankaŭ L.Zamenhof estis tia ĉi artisto, kaj por eldono de la Unua Libro monhelpis la patro de lia fianĉino…

***Kor.*** Ĉu ankaŭ en Novosibirsk forestis ia ajn helpo al artistoj?

***S.*** Ne. Loĝado kaj manĝado estis senpagaj. Mi dankas Katja Arbekova pro la entuziasmo kaj organizado de sponsora helpo al artistoj de EoLA-15.

***Kor.*** Rakontu finfine pri viaj koncertaj programoj.

***S.*** Ni koncertis trifoje kun diversaj programoj. La unua koncerto pasis en barda kafejo (la Rusa ĉambro). Ĝi estis la plej facila kaj ĝoja koncerto. Ni kvinope lokiĝis duonronde ĉirkaŭ la tablo kun muzikiloj, kio plifortigis nian unuecon. En la koncerto sonis kantoj de Nina, Kostja kaj la miaj, kelkaj instrumentaĵoj kaj duoninstrumentaĵoj, en kiuj ni improvizis Esperantajn tekstojn. Tiu ĉi estis certe la plej gaja kaj ritma koncerto por esperantistoj, kiun mi iam partoprenis (la koncerto estis videofilmita, kaj mi esperas, ke ankaŭ aliaj esperantistoj povos vidi ĝin). La dua estis koncerto de tranca muziko.

***Kor.*** Bonvolu rakonti pli detale, kio estas tranca muziko kaj kiam vi komencis praktiki ĉi koncertojn dum E-renkontiĝoj?

***S.*** "Tranca muziko" estas konvencia nomo, per kiu mi nomis la koncertojn de medita,

trankvila, etna duonimproviza muziko; mi kun geamikoj aranĝis tion por esperantistoj jam duan fojon. Dum ĉi koncertoj en la ejo estas silento kaj mallumo, nepre devas bruli kelkaj kandeloj, bonodori arombastonetoj… ĉiuj sidas aŭ kuŝas sur tapiŝkovrita planko… La ĉefa celo de ĉi praktiko estas atingi unuecon de interna mondo kun la ekstera, harmonion de homo kaj naturo. Iuj simple aŭskultas la muzikon, iuj meditas, iuj vidas interesajn sonĝojn… Similajn koncertojn muzikistoj aranĝas en diversaj partoj de la mondo, ĉefe en Azio. Mi venis al tiu koncertformo paŝ-post-paŝe. La muzikon de ĉi direkto mi ludis dum sep jaroj en konsisto de "Проект Второе Внимание", sed al konkreta formo de la koncerto mi alvenis muzike dum teaj ceremonioj, kiujn gvidis Paŝa Volkov dum OkSEJT-40 (Ivanovo, 2000). La unuan kaj duan koncertojn de tranca muziko mi aranĝis dum RET-02 (Kovrov, 2002; REGo № 5(12), 2002). Do, la koncertoj de tranca muziko estas (almenaŭ por mi, kaj ne nur) fenomeno de E-kulturo. Por la koncerto en EoLA-15 Nina verkis Esperante du komponaĵojn ("Jano Duvizaĝa" kaj "Libelo").

***Kor.*** Sergeo, kiujn muzikilojn vi uzas por kreado de tranca muziko?

***S.*** Gitarojn, flutojn, bongojn, diversajn perkutajn ilojn, sonoriletojn, varganojn (kamuzojn), kanteman tason kaj sonorilon, voĉojn, kaj, en stato de pleja tranca inspiro, mi gitarludis per arĉo.



*"Atentema VU" , 2003*

***Kor.*** Ĉu estis pliaj koncertoj?

***S.*** Jes. La trian koncerton ni prezentis en granda halo kun mikrofonoj. Ĝi similis al la unua, sed kvarono de la programo diferenciĝis. Krome, Evelina prezentis en barda kafejo programon de tradiciaj E-kantoj, tri aliaj muzikistoj partoprenis en kanta konkurso…

***Kor.*** Kiuj partoprenas en via ensemblo?

***S.*** Polina Kratasjuk – kantas, ludas bongojn kaj kamuzon; Evelina – kantas kaj ludas perkutilojn; Nina – verkas kantojn kaj komponaĵojn, kantas, ludas kamuzon, gitaron kaj fluton; Kostja – verkas kantojn kaj komponaĵojn, kantas, ludas gitaron kaj lipharmonikon.

***Kor.*** Kiel mi komprenis, ĝi ne estas via unua ensemblo, kiu partoprenas E-renkontiĝojn. Kiam estis la unua? Kiom da ensembloj vi kreis por E-renkontiĝoj, kiel ili nomiĝis?

***S.*** Unue mi partoprenis en ensemblo dum EoLA-10 (Ivanovo, 1998), ĝi estis ensemblo de Ivan Naumov. Baldaŭ Vanja ree invitis min partopreni en sia ensemblo dum OkSEJT-39 (Tiĥvin, 1999). Mi kun granda plezuro en kompanio de geamikoj-muzikistoj helpis lin realigi liajn muzikajn ideojn. Por realigo de propraj muzikaj ideoj en formo de kantoj kaj komponaĵoj mi kunvenigis la unuan mian ensemblon, kiun mi nomis "Atentema VU". Krom mi ĝin partoprenis belegaj knabinoj Sonja Basova (Ĉeboksari) kaj Tanja Suĥodolina (Tjumenj), kiuj kantis kaj ludis perkutilojn; estis ankaŭ muzikisto, kiun mi tre ŝatas, – Paŝa Korotenko (Slavjansk, Ukrainio), kiu kantis kaj gitarludis; kaj fine – Miŝa Ĵdanov (Jalta, Ukrainio), kiu sidis sur la scenejo en medita pozo, flutludis, sonorilis kaj kompletigis per siaj artaj aspekto kaj esenco nian ensemblon. Miŝa estis personigita Atentema VU.

La dua mia ensemblo partoprenis en OkSEJT-40 (Ivanovo, 2000) en la konsisto: Sonja Ŝejnina (Ivanovo) – kantado, perkutiloj; Nataŝa Nazariĉeva (Naberejnije Ĉelni) – kantado, gitaro, perkutiloj; Griŝa Arosev (Moskvo) – kantado, gitaro; kaj Olja Kuleŝova (Ivanovo) – dancado. Duonon de la programo ni koncertis kun lumo de kelkaj kandeloj sursceneje, Olja malrapide dancmoviĝis en lumradio de lanterneto, la muzikistoj trancmuzikis sidante surplanke… La dua kaj tria partoj de la koncerto estis tradicie kant-ritmblusaj, sed ĝis fino de la koncerto min ne lasis la medita humoro de la unua parto, muzikistoj kaj multaj aŭskultantoj diris la samon, nur Griŝa Arosev forte insultis min: "Mi neniam plu volas koncerti kun vi! Vi dormigis la halon!". … Kiam oni ŝaltis la lumon, kelkaj homoj dolĉe dormis, kaj inter ili – nia ŝatata Andreo Grigorjevskij kun malfermita buŝo. Al li proksimiĝis ekĝojinta Garik kun sia fotilo (Griŝa dume inspire solkantis sursceneje), pro ekfulmo kaj fermilklako Andreo subite vekiĝis, eksaltis kaj aplaŭdante kriis "bravo". La halo ekridegis, Griŝa kraĉis plankon kaj forlasis la scenejon, insultante min per la supre citítaj vortoj. Tiam mi komprenis, ke estus bone prezenti iam du apartajn programojn. Ĉi ideon mi realigis nur post du jaroj dum RET-02.



*"Atentema VU", 1999*

Komence de majo 2001 mi partoprenis en "Aroma Jalto". Maro. Suno. Esperanto… Por trancaj komponaĵoj mi elpensis perkutan ilon, konsistantan el multego da sekaj bastonetoj de krimea pino, – la muzikisto palpelektadis ilin, kaj tiam ŝajnis, ke ie lirlas rivereto… Ĉi-koncerte mi uzis ankaŭ popolan instrumenton, kiu imitis sonon de saksofono ("kozjok"). En la ensmblo partoprenis: Taisa Poŝivana (Dnepropetrovsk, Ukrainio) – perkutaj iloj, sonoriloj, kantema taso; Sveta (Elektrostalj) – perkutiloj; Ilona (Odessa, Ukrainio) – kantado; kaj Pavel Moĵajev (Simferopolj, Ukrainio) – gitaro, "kozjok". Kostja Demjanenko proponis nomi nian ensemblon "Verda Nebulo" – mi konsentis. Mi memorfiksis ĉi renkontiĝon pro varma akcepto de ukrainiaj esperantistoj kaj pro bela krimea naturo.

La laboro kun tiuj ĉi ensembloj (en Tiĥvin, Ivanovo kaj Jalta) principe estis la sama. Dum du tagoj mi atentis la partoprenantojn de renkontiĝo, kaj poste proponis al tri-kvar personoj partopreni en mia ensemblo. La programo estis verkita antaŭe, kaj depende de kapabloj de la muzikistoj ni surloke jam pretigis konkretajn koncertojn. Provludis ni ĉiutage, iam sufiĉe drame: iu maltrafis la ritmon, iu kantistino ekfalsinte kriis "mi ne estas vera kantistino, pro kio nur vi vokis min, mi tute ne volas partopreni, mi iras for"… finfine estis bonaj koncertoj.

La kvara ensemblo nomiĝis "Sakura" (EoLA-14 en Ĉeboksari) pro la partopreno en ĝi de la muzikistoj, kiuj koncertis sub tiu ĉi nomo en Krasnojarsk (legu pri ĝi en REGo № 3(10), 2002). La kvina, nomita "Sergej Bozin kun geamikoj" (RET-02 en Kovrov) konsistis el rusiaj kaj ukrainiaj muzikistoj (legu pri ĝi en REGo № 5(12), 2002). Kaj fine, la sesa (EoLA-15 en Novosibirsk) nomiĝis "Atentema VU" vespere, prezentante la kantan programon, kaj "Dua Atento" – nokte, dum la koncerto de tranca muziko, kiel la Duvizaĝa Jano.

***Kor.*** Ĉu estas muzikistoj, kiuj kelkfoje partoprenis en viaj ensembloj?


*Kostja Malasajev grimacis ne nur dum la koncerto*

***S.*** Jes. Evelina Sokolova kaj Griŝa Arosev – trifoje, Paŝa Korotenko kaj Olja Kuleŝova – dufoje.

***Kor.*** Kiuj estas viaj kreaj planoj, planoj de via ensemblo? Ĉu vi planas partopreni Esperantajn somerajn aranĝojn?

***S.*** Maje-junie ni intencas kelkfoje koncerti kun tranca programo en Krasnojarsk. Ni provos sonregistri ĝin. Mi volus partopreni en iu somera E-aranĝo kun la ensemblo. Al la muzikistoj plaĉis EoLA, kaj se ni povos, ni nepre partoprenos.

***Kor.*** Kion ankoraŭ vi memorfiksis dum EoLA-15 kaj kia estis, viaopinie, ĝia signifo?

***S.*** Bona koncerto de Kostja Malasajev el Tomsko. Ĉi renkontiĝo havis grandan signifon antaŭ ĉio por siberiaj esperantistoj, sed ne nur. Mi ĝojis renkonti la reaktiviĝintajn Valera Perikov (Novokuzneck), Jura Paseĉnikov (Tomsk)… Al mi tre plaĉis amika etoso, kiu regis dum la festivalo, plaĉis novaj kaj malnovaj geamikoj-esperantistoj, plaĉis, ke trans la muro loĝis junaj getjumenanoj (kiujn esperantigis kaj kunvenigis Mansur Mamkin), kapablaj ŝajne senpaŭze de mateno ĝis mateno kvinope kanti kaj gitarludi…

… Ĉu? … Estu!

***Sergeo Bozin (Krasnojarsk)***

---

## MIA PRELEGVOJAĜO EN GERMANIO

Laŭ la invito de Germana E-Asocio mi prelegvojaĝis tra kelkaj E-kluboj kun tri temoj: “Sana vivmaniero en Rusio kaj per propra sperto”, “Fascina riĉiĝo de E-esprimeblecoj ĝis superi tiujn en naciaj lingvoj” kaj “Historio de junulara E-movado en Sovetio”. Ĉi tie mi volas dividi miajn impresojn pri la vojaĝo.

Miaj prelegoj okazis pli-malpli same en du jenaj germanaj urbetoj: Warstein kaj Hameln. Oni min renkontis, montris la urbajn belaĵojn kaj loĝigis en apartan ĉambron de duetaĝa ĉirkaŭ dekĉambra domo, kie loĝas nur duopo(!). Por la okcidentanoj tio eble estas ordinaraĵo, sed por la rusoj, kiuj la tutan vivon nestaĉas en 30-40 kvadrataj metroj, tio estas vere mirinda. Vespere, en la samaj domoj okazis kluba kunveno, kun ĉirkaŭ deko da klubanoj. La konsisto (krom Berlin, Halle kaj Hambrug) la sama: la klubestro bone parolas, ankoraŭ unu-du pli-malpli bone parolas kaj ĉiuj ceteraj estas progresantoj, nur-iom parolas/komprenas. Sed mi, uzante tute simplan E-lingvaĵon, sukcesis esti bone komprenata (oni ĉie konfesis tion), kaj mi eĉ demandojn ricevadis. En la konverso mi sukcesis koncize tuŝi ĉiujn prelegotemojn. Estis tre amikeca memorinda ĉirkaŭtabla etoso.

En Herzberg mi ne sukcesis elpaŝi. Ĉeestis franco (edzo de germanino) gaja kaj parolema, kiu tuj kaptis ĉiujn parolajn fadenojn. Mi pensis, ke eble la klubestro petos min pri io prelegi, sed tio ne okazis. Tamen la vespero estis tute bela, senpera interkomunikado (ankaŭ tie ĉiuj bone E-parolis), ĉe kiu ankaŭ mi enŝovadis jen-kaj-jen ion ruseskan. Ni eĉ kantis (nur tie, plu bedaŭrinde nenie), kaj la vesperumo daŭris plej longe, ĝis la noktomezo. Ĉeestis ankaŭ juna polino, kiu gastis ĉe la klubestro laŭ la Pasporta servo.

En Hamburgo oni mendis mian prelegon pri la sana vivmaniero, kaj petis ne okupi pli ol horon. Tie estis malplej interese por mi el inter ĉiuj aliaj urboj. Unu horo ne sufiĉis por plene elverŝi la temon, kvankam mi havis la atenton kaj demandojn. Post la prelego, sidiĝinte al grupo da gejunuloj, mi iom umis al ili pri E-interesaĵoj, kaj ili videble bedaŭris, ke mankas

tempo por plua ĉi-tema konverso. Ankaŭ mi bedaŭris – esti malplej uzita por la klubo.

En la supremenciitaj urboj mi estis nur po unu tagnokton. Tio estas sufiĉe streĉa, ĉar la interkomunikado daŭris ĉiam longe kaj mi ne sukcesis satdormi… Ĉie, kie mi prelegis, oni fine kolektis iom da mono por mi, kiel honorarion – bona helpo por la rusia pensiulo.

En Halle (eksa GDR) mi devis resti dum kvar tagoj. La vivnivelo en la orienta parto de Germanio estas rimarkeble pli malalta ol en la okcidenta, kaj estas pli da senlaboreco. Oni loĝigis min ĉe juna geedza paro, kiuj ambaŭ nuntempe lernas, tial mi decidis ne damaĝi aldone ilian buĝeton kaj preferis nutri min mem el mia honoraria mono. Okazis nur du ĉirkaŭtabloj en restoracioj, kie al po kvar homoj mi ion rakontis el movadaj temoj. Kiam la klubestro (pensiulo) ekskursigis min tra la bela urbeto, li rakontis pri diversaj turismaj aferoj. Mi pli emis rakonti ion el kluba sperto, vidante kiom malfortas ilia klubo. Sed li ne atentis miajn parolojn, same kiel mi supraĵe aŭdis tion, kio min malplej interesas. Iufoje li ne eltenis kaj diris proteste: "Kial vi ĉiam... kluboj, kluboj, la kluboj normale laboras". Kaj mi komprenis, kun bedaŭro, jen la ĉefaĵo de la movado en Eŭropo kaj fakte ĉie – E-parolado kaj turismo. Kaj oni kredas, ke tio estas pinto de Esperanto.

Mi foriris de Halle je tago pli frue por trafi al t.n. "Ĵaŭda Rondo" ĉe Ina Tautorat. Tie mi elpaŝis pri la sana vivmaniero. Estis demandoj, sed la plej viglan polemikon kaŭzis al mi la ĉeestinta rusia esp-isto el Kazanj. Li estas medicinisto, kaj la alternativaj pretermedicina saniĝo kaj sana vivmaniero ne ĝuas reputacion ĉe la rusia medicino.

Mi eksciis pri la ekzisto de E-rondo "Maldekstra forumo" kaj decidis proponi al ili temon, kiun GEA malakceptis proponi al la kluboj: "Du historiaj eraroj de E-movado daŭras ĝis nun. Kompreni kaj korekti". Vere estis la plej pinta prelego. Estis ses mezaĝuloj, same kiel mi nekontentaj pri la stato de E-movado. La prelego estis bonege kaj jese akceptita. Estis demandoj kaj vigla diskuto. Mi eĉ proponis publikigi artikolon pri la temo kaj ni ĉiuj kune subskribu ĝin. Ĉiuj konsentis. Tra cento da jaroj la E-movado strebas al kvanto sed ne al kvalito. Kaj la kluba vivo/laboro ŝtoniĝis en sia evoluo sur la nivelo de la dudekaj jaroj en la pasinta jarcento… Nu, tamen, pli detale oni legu en baldaŭ aperonta nia komuna analiza artikolo en "La Ondo de Esperanto" kaj "Eventoj".

Sabate mi partoprenis promenon eksterurban – tra arbaro al kaj de la lago. Kun manĝado, kaj ni ĝue naĝis. Mi miris – kiom multe da diversaj lagoj estas ĉirkaŭ Berlino, kaj eĉ kun puraj akvo kaj naturo! Simila elurbiĝo estas bona ero por programo de E-klubo en ajna urbo. Detlev Blanke, mia malnova e-konato, regalis min en ŝika restoracio. Pli ol tri horojn ni ĝue konversis, rememorante kiel ni devis elturniĝi ĉe socialismaj kondiĉoj por progresigi la E-movadon, kaj parolante pri la plej diversaj temoj. Ankaŭ pri miaj prelegoj, kiujn mi skizis por li. Fine okazis mia lasta prelego, ĉi-foje en Berlina E-societo – tiu pri E-esprimeblecoj... Estis nur unu horo, sed mi sukcesis pruvi mian tezon antaŭ la plej multnombra (ĉirkaŭ 20 ĉeestintoj) kunveno, kaj pluraj estis mirigitaj. Certe, ne legante multege da E-libroj, malfacilas kredi la tezon. Poste mi devis haste rapidi al la revena buso. Denove du sendormaj noktoj, kaj mi revenis el la fabelo al miaj problemoj...

Mi devas kore danki la grandan gastamon de ĉiuj miaj gastigantoj. Certe plej viglas la E-komunumo en Berlino. Laboras pluraj E-kolektivoj, regule aperas la "Berlina informilo", ĉiumonata kalendaro de E-aranĝoj. La berlina movado funkcias jam laŭ la leĝoj de la kunagada sistemo, forlasinte la malnoviĝintan hierarkian sistemon. En Esperanto-ligo Berlin ĉiuj E-rondoj estas egalaj. Neniuj gvidas la aliajn. Uzante la okazon mi volas kore gratuli la berlinajn gesamideanojn okaze de la baldaŭa centjariĝo de la Berlina E-Societo. Ties poresperantan vervon egale plu daŭrigas ĉiuj E-rondoj de la urbo. Pluprosperon al berlina kaj al tutgermania E-movado/komunumo!

***Anatolo Gonĉarov (Krasnojarska reg.)***

## APRILAJ RIDETOJ EN ODESSA

Odessa… La urbo, prikantita en multegaj verkoj de poetoj, pentristoj, muzikistoj kaj ceteraj kreemuloj. La loko, kiu ĉarmas eĉ plej spertajn vojaĝantojn. Ĉiu vizito al tiu mirinda, plena de legendoj urbo lasas neforgeseblajn impresojn, brilajn rememorojn kaj maron da plezuro pro vagado en kvietaj malnovaj stratetoj, vastaj bulvardoj, freŝigaj verdaj parkoj kaj senkomparaj, tipe odesaj kortetoj. Ĉi tie iam promenis A.S.Puŝkin kaj grafo Voroncov, I.O.Dunajevskij, I.M.Seĉenov, D.I.Mendeleev, I.I.Meĉnikov; de tie venis I.Ilf kaj J.Petrov, V.Katajev, J.Oleŝa kaj la tuta plejado de poetoj-odesanoj. Pri multo memoras Odessa…



En odesa korteto en la centro de la urbo, apud unu el la plej famaj odesaj vidindaĵoj – skulpta grupo "Atlantoj kun globo" – situas odesa junulara Esperanto-klubo "Verdaĵo". Dum la fama odesa humura festo "Jumorina" esperantistoj organizas la renkontiĝon "Aprilaj ridetoj" por gastoj el la tuta Ukrainio kaj aliaj landoj. Ĉi-jare al la festo en la ĉemara urbo venis ne nur malnovaj amikoj de Esperanto kaj de odesa klubo, sed ankaŭ novuloj, kiuj ĵus komencis lerni E-on. Kaj komenciĝis...

Apenaŭ transpaŝinte la sojlon de la klubejo, la gastoj trafis plenan kirlon de la vivo. Ankoraŭ lacaj pro la longa vojo, ili estis senditaj por trovi vidindaĵojn; nu, almenaŭ dudekon el abundega kvanto da ili en Odessa. Certe, oni povus solide promeni en la urbo, ĝuante la belecon de ĝiaj arkitekturo kaj naturo; sed tio estus tamen iom ordinara kaj monotona, ĉu ne? Ege pli interesa kaj memorinda iĝis la unua kontakto kun Odessa dum "Urboludo". Nur du horoj sufiĉis por kalkuli (per siaj propraj kruroj!) ĉiujn 192 ŝtupojn de Potjomkin-ŝtuparo, trovi la bustojn de eminentuloj sur la fasado de l' Operejo, viziti la domon kun vitra tegmento, miregi antaŭ la unumura domo, omaĝi D-ron Zamenhof apud lia monumento kaj konatiĝi kun aliaj, ne malpli interesaj vidindaĵoj de Odessa.

Vespere lacaj, sed kontentaj gastoj ĝuis la longeatenditan renkontiĝon kun la mastroj (finfine en sida pozicio!). En la Blanka Halo okazis humura koncerto, preparita de odesanoj, kiun partoprenis ankaŭ la inspiritaj gastoj. La koncerton filmis Odesa televido. Pli intimiĝis la etoso, kiam ni translokiĝis laŭ la Bopatrina ponto al la klubejo de "Verdaĵo". Konversacioj kun interesaj homoj, Intelektaj Ludoj kaj gajaj konkursoj – en tiaj momentoj oni povas plej bone ekkoni la homojn. Ĝuste tiam naskiĝas unuaj, la plej fortaj amikaj rilatoj.

Verŝajne tial jam sekvatage la etoso de la renkontiĝo estis malfermita kaj senĝena, kiel ĉe malnovaj amikoj. Kaj la atmosfero mem de la fama odesa "Jumorina", kiu en ĉi jaro festis sian 30-jaran jubileon, inspiris gajecon kaj senzorgon. Sur improvizitaj scenejoj surstrate elpaŝis famaj "Odesaj Ĝentlemanoj", "Maski-ŝoŭ", anoj de televida humura klubo "Gusaki" (Viranseroj), kaj, certe, tiuj, kies nomoj mem elvokas bonhumoron kaj gajon: Oleg Filimonov, Miĥail Ĵvaneckij, Boris Burda. Tiu brila plejado de odesanoj (ja eĉ eksa odesano ĉiam restas odesano en animo!) gratulis la popolon okaze de la plej gaja festo, kiun oni celebras tiel vaste nur en Odessa!

Sur la ĉefa strato Deribasovskaja jubilis kaj sparkis tradicia karnavalo. En kolonoj iris studentoj de odesaj altlernejoj kaj etuloj el infanĝardenoj, oficistoj kaj policanoj, piratoj kaj marvirinetoj… Ankaŭ ni konvene kolorigis nin, por ne esti "blankaj korvoj" en tiu bunta



tumulto; por harmonie kuniĝi kun la etoso, nin montri kaj al ĉirkaŭo gapi.

Ĝis la vespero bolis la gaja festo sur odesaj stratoj. Kaj finiĝis la tago per kelkhora koncerto sur urboplacoj kaj grandioza fajroartaĵo, kiu, verŝajne, en tiu festa tago okazis nur en Odessa, la ĉefurbo de humuro.

Bedaŭrinde, ĉio bona finiĝas rapide. Ankaŭ nia vizito al odesa klubo devis finiĝi. Sed la tria, lasta tago ne estis malpli varia kaj ekscita, ol la antaŭaj. Okazis kamelrajdado en ekspozici-riĉa Zoologia ĝardeno, spektado de filmoj en Eo, profesie kreitaj de Odesa JEK "Verdaĵo", kaj ankaŭ romantika promenado tra "sovaĝaj" odesaj katakomboj.

Sed vespere ni, kiel decas, vizitis teatron. Esti en Odessa kaj ne viziti la Operejon – nepardonebla fuŝo, kiun ni ne povis al ni permesi. La Operejo, fiero de ĉiuj odesanoj, ankaŭ nin ravis: ne nur per sia pompa arkitekturo, sed ankaŭ per luksaj internaĵoj, perfekta akustiko, majstreco de l' plenumantoj kaj tiu esenca por Odessa varma gastamo.

Forlasante tiun unikan urbon, ĝiajn bulvardojn kaj placojn, malnovajn beldomojn kaj modernajn riĉegajn konstruaĵojn, ni konservas en nia memoro tiun abundon da suno, teneran maron, sed plej grave – la odesanojn. Ja ilia bonkoreco, diligento, gastamo donas al la urbo ĝian tiel specifan koloron.

Ĝis nova renkontiĝo, geamikoj!

***Ksenija Postnikova (Jalta, Ukrainio)***

---

## INTERNACIA JUNULARA KONGRESO EN 2004 OKAZOS EN RUSIO



*IJK-51 apud Sankt-Peterburgo pasis tre sukcese*

La invito de REJM okazigi IJK-on en 2004 en Rusio estas definitive akceptita de TEJO-estraro. La "favora akcepto" de la invito de REJM (sen la valida oficiala decido) okazis jam en januaro 2003, sed preskaŭ tuj poste aperis alternativa varianto pri IJK en Suda Koreio.

La traktadoj inter TEJO kaj Suda Koreio okazis dum preskaŭ kvar monatoj, sed pro diversaj kialoj oni ne atingis kontentigan rezulton. Intertempe ĉiuj preparagadoj en Rusio estis haltigitaj. Antaŭ la rusia iniciata teamo de la kongreso nun staras kelkaj urĝaj taskoj: ĝis la ĉi-jara IJK en Svedio ellabori la koncepton de la aranĝo, formi la organizan teamon, finprepari ĉiujn necesajn dokumentojn, prepari aliĝilojn disdonotajn en la ĉi-jara IJK ktp. Vi povas aliĝi al tiu interesa kaj grava agado!

Pliaj informoj kaj anoncoj nepre venos dum la proksima tempo. Paĝaro pri *nia* IJK jam estas trovebla ĉe <www.tejo.org/rejm/ijk>. IJK en Rusio estos la 60-a IJK en historio de la tutmonda Esperanto-movado.

***nome de organizantoj – Andrej Grigorjevskij, Slavik Ivanov***

## JARLIBRO POR VI

Kun la antaŭa numero de REGo niaj membroj ricevis ĉi-jaran “Jarlibron de REU”. Samkiel pli fruaj emisioj, ĝi enhavas gravajn tekstojn, plurajn adresojn kaj aliajn utilajn informojn. Kelkajn el tiuj mi ŝatus iom komenti. Nemalhavebla dokumento por la praktika asocia agado – la Ĝenerala Regularo de REU – aperas en la plej freŝdata versio. La amendon en ĝia teksto, kiun akceptis la 19-a Konferenco, interesiĝantoj povas trovi en art. 2.1, komparante kun la antaŭa versio (“Manlibro de la REU-membro”, 2001). La Jarlibro enhavas ankaŭ du Regularojn, definitive akceptitajn de la sama Konferenco – pri la regionaj kunordigantoj de REU kaj pri la lokaj reprezentantoj de REU. Pri ties graveco por la regiona agado vi povas legi en ĉi-numera artikolo de la estrarano V.Kudrjavcev; mi nur atentigu ke kulpe de kompilintoj la teksto de la Regularo pri lokaj reprezentantoj enhavas preterlason: en art. 4 anstataŭ “REU-klubo” devas esti “aliĝinta kolektivo”. En REGo № 6 (13) estis informo pri personkonsista problemo en nia Kontrol-revizia Komisiono. Intertempe la problemo solviĝis, kaj la nunan konsiston de KRK oni povas vidi en la Jarlibro. Nekutima parto estas la ruslingvaj tekstoj de gravaj E-dokumentoj. Ili celas konatigi ekstermovadajn interesiĝantojn kun la publika valoro kaj prioritatoj de nia movado. Certe, por tia konatiĝo ne indas lasi, eĉ se portempe, ĉe koncerna persono la tutan Jarlibron, kies cetera enhavo respondas niajn specife internajn bezonojn. Prefere faru iom da kopioj de la bezonataj paĝoj, kiujn eblos donaci al kunparolantoj, disdoni dum Ago-Tago ks.

***Viktor Aroloviĉ, vicprezidanto de REU***

## OFICISTAJ ŜANĜOJ EN LA CO

En majo en la Centra Oficejo okazis kelkaj ŝanĝoj. Ekde la 1-a de majo ne plu laboras Nikola Raŝiĉ, kiu dum dek kvin antaŭaj jaroj zorgis pri la organizado de la Universalaj Kongresoj. La Aganta Kongresa Sekretario estas nomumita Clay Magalhaes, antaŭe duontempe helpinta al Nikola Raŝiĉ pri la Kongresa Fako kaj duontempe laborinta en la librotena fako. Komence de majo en la librotena fako plentempe eklaboris Stanka Starĉeviĉ. Ŝi anstataŭigos tie Clay Magalhaes kaj ankaŭ helpos plifortigi la librotenadon de UEA.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## GOTENBURGO: VIRTUALA UK KAJ ALTA PROTEKTANTO

La Sveda LKK zorgas ankaŭ pri la esperantistoj, kiuj ne sukcesos veni al Gotenburgo. Ĉe speciale lanĉita nova retejo <www.uk-2003.net> dum la daŭro de la kongreso funkcios “Virtuala kongresejo de la 88-a UK”. En la retejo eblos konatiĝi kun Gotenburgo, la Kongresejo, legi la informojn, kiujn prezentas la Kongresa Kuriero. Oni planas regule aperigi la nombrojn de la aliĝintaj kongresanoj. Aperos skizoj pri la programo, foje oni povos ankaŭ aŭdi fragmentojn de iuj prelegoj, vidi la fotojn. La vizitantoj de la retejo povos sendi mesaĝojn al la kongresanoj, uzante la kongresan numeron kiel la adreson – tiu letero estos liverita surpapere pere de la kongresa mesaĝtabulo. Funkcios ankaŭ propra diskutejo pri la “Kongresa temo” en kiu la retaj partoprenantoj de la Virtuala UK povos kundiskuti pri lingvaj rajtoj kaj respondecoj. Alia UK-novaĵo: la sveda ĉefministro Goran Persson akceptis esti Honora Protektanto de la 88-a Universala Kongreso de Esperanto en Gotenburgo.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## ESPERANTA FRAZO EL VERKO DE BORIS STRUGACKIJ




Ĵus aperis nova romano de S.Vitickij (pseŭdonimo de Boris Strugackij) "Malfortuloj de la mondo ĉi" (Бессильные мира сего, СПб: Амфора, 2003). Unu el antiherooj de la romano ŝatas legi fremdajn leterojn, kaj eĉ speciale por ĝui tion diversmaniere akiras leterarkivojn de diversaj tempoperiodoj. Kaj subite, legante leterojn el iu arkivo li renkontas la jenan frazon: "Estimata sinjoro! Mi tralegis Vian anonceton kaj kuragas skribi al Vi...". En la romano sekvas jam la ruslingva teksto: "Skribite el Irkutsk al Cereny Nostelec, Ĉehoslovakio, kaj tio estas jam decembro de la dudek unua. Tion ni flankenmetu. Pri la lingvoj ni ne fortas, tute ne fortas: la germana kun vortaro. Strange, kiel poŝtkarto, sendita al Ĉehoslovakio, trafis en tiun ĉi pure rusian arkivon?" (p.176). Neniu klarigo de la aŭtoro pri la lingvo, sed ja la frazo estas pure esperantlingva kun unu sola eraro – manko de la supersigno en "kuragas"... Estas konata fakto, ke Boris Strugackij scias pri ekzisto de Esperanto kaj eĉ subskribis kontrakton kun la eldonejo "Impeto" pri eldonado de Esperantaj versioj de siaj kun la frato verkoj. Samtempe, li rilatas al Esperanto sufiĉe skeptikisme. Sed ia frazo en Esperanto (eĉ se sen mencio de la nomo de la lingvo) aperas elsub lia plumo la unuan fojon...

***Nikolao Gudskov (Moskvo)***

## NOVAJ REU-ALIĜOJ POR 2003

**ALIĜINTA KOLEKTIVO**

**Volgograda E-klubo "Espero"** (6 aligitaj membroj): *Bikova Ljudmila, Dogadin D., Dumler Vera, Gurileva Dina, Spicina Valentina, Vtorova Tatjana*

**INDIVIDUAJ MEMBROJ**

*Bragin Vjaĉeslav (Moskvo), Bronŝtejn Mikaelo (Tiĥvin), Bruĥis Pavel (Moskvo), Gadirova Diljara (Toboljsk), Grigorjevskaja Natalja (Ĉuvaŝio), Konevskaja Margarita (Komio), Maleĵ Ljubovj (Ivanovo), Muraŝev Aleksandr (Sankt-Peterburg), Nikonova Z. (Sverdlovska reg.), Povorin Mikaelo (Moskvo), Ŝevĉenko Anastasija (Irkutska reg.), Vasilenko Lidija (Moskvo), Volkov Pavel (Ivanovo)*

**FAMILIA MEMBRO**

*Grigorjevskij Andrej (Ĉuvaŝio)*

La 16-an de junio en Uljanovsk, en la familio de Jurij Karcev naskiĝis la filo Daniil. Gratulojn!

### REU-kotizoj por la jaro 2003:

120 rub. (por eksterrusianoj – 15 eŭroj) – individua kotizo (inkluzivas la membrokarton, REGon kaj aliajn informojn, voĉdonrajton en REU-Konferenco, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj);
3000 rub. (por eksterrusianoj – 375 eŭroj) – dumviva kotizo (ĉio la sama dum la tuta vivo);
25 rub. – familia kotizo (la membrokarto, voĉdonrajto en REU-Konferenco);
120 rub. + 25 rub. por ĉiu membro – kolektiva kotizo (REGo kaj aliaj informoj de REU por la klubo, la membrokartoj kaj voĉdonrajtoj en REU-Konferenco por la klubanoj).

*La rublaj kotizoj sendendas al **G.Kokolija** (la adreso estas en la lasta kovrilpaĝo), la eŭra kotizo pagendas al la konto **reua-p** ĉe UEA.*

# DMITRIJ PEREVALOV

Dmitrij Aleksandroviĉ Perevalov (naskiĝis 26.12.51, E-isto ekde 1976) mortis la 3-an de junio 2003 en hospitalo de la urbo Malojaroslavec (Kaluga regiono) pro halto de la koro. La 10-an de junio li estis entombigita en tiu urbo.

Antaŭ la "rekonstruo" Dima faris brilan profesian karieron kiel tradukisto el la vjetnama lingvo kaj redaktoro de gazetaragentejo "Novosti" (APN). Bedaŭrinde, adaptiĝi al la novaj kondiĉoj li ne bone sukcesis...



Dum lastaj dek jaroj li deflankiĝis de la Esperanto-movado, kaj la novaj generacioj de esperantistoj ne konas lin; tamen en la 1980-aj jaroj li estis unu el la plej viglaj motoroj de la sovetia movado, estante dum multaj jaroj estrarano de ASE kaj prezidanto de Moskva Centra Esperanto-Klubo. Dank' al lia energio estis eldonitaj en APN pluraj politikaj broŝuroj kaj faldfolioj en Esperanto – la plej gravaj oficialaj E-eldonaĵoj en Rusio en tiu periodo. Eldonado de tiuj broŝuroj, kiuj ŝajnas nun kuriozaĵoj, havis tiutempe gravan signifon, ĉar postulis altan nivelon de la tradukintoj (do, profesiigon de esperantistoj) kaj atestis certan oficialan agnoskon de nia lingvo. Krome, Dima estis la ĉefa organizanto de la internacia renkontiĝo de MEM en Volgograd en 1986. La kontribuon de Perevalov ne eblas supertaksi, kaj li ĉiam restos en la memoro de tiuj, kiuj lin konis.

Restis la vidvino, esperantistino Liene kaj la filoj Aleksandr (ĵus finis mezlernejon) kaj Filipp (finis la 5-an klason).

***REU-Estraro***

## MORTIS KARA AMIK'

Merkrede, la 11-an de junio, mi telefonis al Dmitrij Perevalov. Respondis lia pli aĝa (17-jara) filo Saŝa, kiu diris, ke la patro mortis la 3-an de junio. Saŝa rakontis, ke antaŭ iom da tempo Dmitrij forveturis al ilia somerdomo, kiu situas apud la urbo Malojaroslavec (Kaluga regiono). En la urbo mem loĝas ties samklasano, kun kiu li lernis en Irkutska regiono, kie Dima naskiĝis. La familio (ekmaltrankviliĝinte pri silentado de Dima) telefonis al tiu amiko, kaj post serĉado li trovis Dima-n en loka malsanulejo. Dum la sekvataga voko al la malsanulejo oni telefone informis la familion, ke Dmitrij jam mortis pro halto de la koro. Kaj neniu el la familianoj aŭ geamikoj estis apud li en tiu momento.

Kun li estas ligitaj pluraj miaj vivojaroj en la 80-aj. Tiam por mi li estis modela movadano kaj tre proksima amiko, kun kiu ni multon komune faris en Esperantio. Nur Dima Perevalov – multjara gvidanto de Sovetia sekcio de Mondpaca Esperantista Movado (MEM) – kapablis inventi tiajn publikajn kampanjojn, kiel kolektado de lernejaj aĵoj (kajeroj, skribiloj k.a.) por la infanoj de suferintaj Vjetnamio, Kamboĝo, Laoso, aŭ organizado de libervola semajnfina laboro ĉe la konstruado de Moskva domo de junularo apud la metro-stacio "Frunzenskaja". (Tiu konstruado okazis senpere antaŭ kaj speciale por la Tutmonda festivalo de junularo kaj studentoj en 1985, kie estis internacia esperantista partopreno kaj specialaj Esperanto-aranĝoj, preparitaj de ni.) Kaj estas mirakle, ke la ideoj, ŝajne neefek-

tivigeblaj, realiĝadis. Nur li kapablis entuziasmigi esperantistojn por la aranĝoj, tiutempe farataj en nia socio laŭ ordono de diversaj instancoj, do senanime. Nur lia specifa rideto, ŝercoj kaj brulanta koro povis instigi homojn al bonaj faroj sen premo de ajna instanco. Same inventema estis, kiel mi memoras, lia prezidanta agado en Moskva Centra E-klubo. Foje, por forigi la enuadon inter esperantistoj, li venigis por prezentaĵo modern-dancan knabinan grupon de la sama kulturdomo "Kaŭĉuk", kie ni kunvenadis.

Kaj nun ŝajnas, ke li forbrulis...

Estis ankoraŭ ne malpli ol tri aliaj geamikoj-kunmovadanoj en nia kompanio: Saŝa Ŝevĉenko (fidela movadano ĝis nun), Albert Ŝakarov (el Samarkand – kie vi estas nun, kara?) kaj certe (sed evidente iom aligrade, ĉar virino) Nataŝa Ŝoroĥova. Sed li estis la plej... ol ni ĉiuj. Lia ĉiama energio kaj aktiva pozicio en la movado ebligis al mi jam antaŭlonge nomi lin motoro de la landa movado en la 80-aj, antaŭ kaj dum la perestrojko. Li elradiadis energion en ĉio, kion faris. Kaj lia energio puŝis nin ĉiujn antaŭen. Ekzemple, kiam mi iniciatis internaciajn renkontiĝojn InterSEJT-1 en Rostov Velikij kaj InterSEJT-2 en Minsk, mi fakte nur sekvis lian malkovron de nia movado al la mondo, lanĉitan pere de la granda internacia konferenco de MEM en Volgograd.

Kaj ankoraŭ pri li. Ne multaj eble konscias, ke en ambaŭ ĉefurboj, kaj en Moskvo precipe, la movadon antaŭenpuŝadis kaj -as gravparte aliurbanoj. Kiel siberiano, Dima estis tipa reprezentanto de tiu kvazaŭklano, al kiu apartenas, ekzemple, Anatolo Gonĉarov, Irina Gonĉarova, Vladimir Samodaj, Viktoro Aroloviĉ, Ljuda Novikova, Albert Ŝakarov, Lena Ŝevĉenko, Garik Kokolija, Andreo Ananjin-Grigorjevskij, Mikaelo Ĉertilov, Anna Butkeviĉ, Saŝa Osokin, Slavik Ivanov kaj aliaj, inkluzive min mem. Tre pripensinda afero, ĉu ne?



Li estis entombigita la 10-an de junio en Malojaroslavec, en la lokoj, kiujn li ŝatis, – laŭ la ortodoksa tradicio. Laŭ mia kompreno, en la lastaj jaroj Dima seniluziiĝis pri la ĉirkaŭanta mondo kaj fariĝis tre religiema. Post la novaĵagentejo APN li dum pluraj jaroj laboris kiel redaktanto de ortodoksaj eldonaĵoj, plejparte en la eldonejo de la Moskva Patriarkio.

Sabate, la 21-an de junio mi renkontiĝis kun Lena, lia edzino. Ŝi alportis liajn fotojn kaj diris, ke Dima havis tri pasiojn en la vivo. Kronologie ili estas – la vjetnama lingvo, Esperanto kaj ortodoksa eldonado. Por ĉiuj tri lia fideleco kaj sindonemo estis senlimaj.

Ĵus fininta mezlernejon lia filo Saŝa volas esti arkitekto, li finis ankaŭ belartan lernejon.

Malgraŭ eblaj opinioj, Dima neniam ĉesis esti esperantisto. Niaj komunaj idealoj estis por li ĉiam aktualaj. Lastfoje mi vidis lin ĉi-vintre, kiam Dima kun sia samklasano vizitis min en la nova oficejo… Kaj nun li mortis. Kruela kaj maljusta estas la vivo…

***Valentin Seguru (Moskvo)***

***P.S.*** *"Неправда, друг не умирает, лишь рядом быть перестаёт…" (Konstantin Simonov). "Malvero, la amik' ne mortas, nur ke ne plu apudas li…"*

# JELENA ZAZNOBINA



La 8-an de junio pro serioza malsano en Krasnojarsk mortis Jelena Zaznobina (naskiĝis 03.11.58). Ŝi estis entombigita la saman tagon kun Dima Perevalov – la 10-an de junio. Ĉiuj, kiuj konis Lena-n, konservis en siaj memoroj kaj koroj la plej belajn kaj ĉarmajn rememorojn pri ŝi.

***Garik Kokolija (Moskvo)***

Jes, en sia tempo (kiel rapide ĝi kuregas!) ŝi estis stelulino de la sovetia E-Movado. Ŝi brilis en ĉiuj tendaroj. Ŝi belege kantis. Nun restis en la Movado malmultaj, kiuj konis ŝin. Sed verŝajne ĉiuj iom amis ŝin tiam. Post la edziniĝo kaj patriniĝo ŝi iom post iom malaperis de la E-horizonto. Nun – por ĉiam. Bedaŭrindege! Andrjuŝa, ni ploras kun vi!

***E.S.Perevertajlo (Taŝkent, Uzbekio)***

## MIRAKLO ETERNE RESTOS

La perdo estas absolute nekredebla, malebla. Akcepti tion superas ĉiujn fortojn. Mi kaj nia deksesjara filo Aljoŝa nun lernu vivi sen ŝi.

Lenjo gravege malsanis dum lastaj kelkaj jaroj kun alternaj sukcesoj kaj malsukcesoj. La finan diagnozon "kancero" oni laste kaj fakte unuafoje oficiale konfirmis al mi nur en decembro de 2002. Lenjo neniam estis oficiale informita, sed ŝi mem plej verŝajne sciis kaj konsciis ĉion. Ni preskaŭ al neniu emis disbabili pri la problemo dum lastaj kelkaj jaroj, ĝis la lasta horo certante, ke ŝi elgrimpos kaj plene saniĝos. Okazis nur unu miraklo – ke ŝi foriris SEN AJNAJ DOLOROJ KAJ SUFEROJ (eĉ ne temis pri narkotaĵoj) – simple ĉesis vivi en ĉi materia ŝelo. Lenoĉka klopodis kaj batalis ĝis la lastaj momentoj. Nur dum lastaj tri horoj ŝi jam ne bezonis respondi al mi ĉar ŝi evidente jam vidis la alian mondon.

Nur dum lastaj tri monatoj ŝi ne povis labori, sed, restante hejme, promenadis, trikis, kudris, kuiris, ekzercis sin joge kaj klopodis faradi multajn aferojn. Tre bonaj amikoj helpadis ŝin, spirite kaj bioenergetike, precipe kiam la oficiala medicino "lavis la manojn" kaj lasis ŝin kun Dio. Oni povas nur imagi, kion ŝi mem travivis kaj spertis. Spirite ŝi donis AL MI forton kaj esperon. Kvankam estis certa periodo, kiam por ŝi estis tre malfacile – nerve kaj psikologie, – finfine ŝi regajnis tiom da spirita forto, ke tio levis ŝin al nekredebla nivelo. Ĝi estis la leciono por mia tuta vivo.

Ŝi estis fantastike bela, alloga kaj promesanta miraklojn. Ĝuste "miraklo" eble estas laŭ mi la plej trafa vorto por donacitaj al mi ŝiaj vivojaroj. Ni konatiĝis en la Krasnojarska OrSEJT-22 en 1980, kien mi venis el mia naskiĝurbo Sverdlovsk. La tendaro estis por mi la unua, kaj por ŝi – la dua. Ambaŭ ni venis kun malfruo kaj tuj ekestis kune kaj apenaŭ povis disiĝi. Sekvis dujara romano el multaj leteroj kaj iuj renkontiĝoj en diversaj partoj de tiama Sovetio. Ne ĉiam la rilatoj estis facilaj, sed la sorto devis nin tamen kunigi, kaj en la Tjumena OrSEJT en 1982 ni finfine faris nian elekton. Aŭtune ni geedziĝis en Krasnojarsk, post kio mi ankoraŭ devis fini mian lastan studjaron en Sverdlovsk.

Finfine mi venis loĝi al ŝi en Krasnojarsk en 1983, kaj tiujn preskaŭ 20 jarojn ni estis

kune. Post tri jaroj naskiĝis la filo Aljoŝa. Lenjo laboris en la instituto "Krasnojarskgraĵdanprojekt", kaj poste – en kelkaj aliaj lokoj, inkluzive kiel instruistino pri geodezio en teknologia instituto kaj akademia sekretario en federala kontraŭ-arbar-incendia esplorinstituto.

Kia ŝi estis? Multfaceta – TALENTA, aktiva, respondeca, celdirektita, kapabla lerni novon kaj labori; erudicie saĝa (eklegis kvarjaraĝe kaj ĉiam perfektulino en ĉiuj studoj), atenta, bonkora, serĉanta, kun brila humursento, ĉiam justa kaj honesta, neniam ceda al pli oportunaj cirkonstancoj. Dum ok malfacilaj jaroj, kiam ĉe ni jam estis infano, ŝi preparis kaj defendis en Moskvo disertaĵon pri ekologio, je admiro kaj, eble, envio, de aliaj. Ŝi lernis kelkajn aldonajn profesiojn kaj en ĉiuj novaj, kvankam ne multaj, laborlokoj trovadis tre bonajn samideanojn. Scivolema kaj legema, senfunda fonto da iuj interesaj diraĵoj kaj pensoj. Por mi, ĉu mi ĉiam konsciis pri tio, Lenjo estis instigo, inspiro kaj instruo en grandaj aferoj kaj etaj detaloj.

Post la nasko de la filo, la antaŭa kluba aktiveco cedis al plena sindediĉo al la hejmo, kiun ŝi tiom zorge kaj kapable tenis, talente konante magazenajn kaj mastrumajn aferojn. Kaj ŝi, mi diru, profesie zorgis pri si mem – ja neniam ŝi aspektis eĉ proksime al sia aĝo.



Ŝia amo estis senfunda kaj mirakla, spite ĉiujn malfacilojn, miskomprenojn kaj, eble neviteblajn, problemojn. Disiĝadi kun ŝi, dum forveturoj de iu el ni, estis malfacile. Des plia feliĉo estis ĉiam reunuiĝi. Danke al Lenjo mi venis al la kompreno, kio donas al ni ĉiuj la vivon. Kaj mi estas senfine danka al ŝi kaj la Dio pro ĉiu momento de ŝia vivo.

En la klubo ŝi manifestiĝis en organizado, instruado, teatraj prezentoj (foje la knabinoj surscenigis "Levu La Manojn", surprizeginte kaj admiriginte la knabojn), kantado kaj animigo de multaj lokaj kaj pli grandaj E-renkontiĝoj. Ŝin ŝatis koni tre multaj – kolegoj, E-klubanoj, Esperanto-lernantoj, najbaroj kaj kunstudantoj.

Feliĉe, restis multaj fotoj, iom da vidbendaj registraĵoj, iuj iam ie faritaj sonregistraĵoj. En la 80-aj jaroj ni speciale preparis eĉ tutan kasedon da kantoj en Esperanto, zorge elektitaj el la plej ŝatataj. Iuj vortoj el tiuj kantoj sonas per ŝia mirinde dolĉa voĉo simbole nun – "Sed adiaŭ, tamen" kaj "Ni renkontiĝos en feliĉa temp'".

Mi nun konscias, ke ŝi simple travivis kelkajn vivojn kun ni, plenuminte sian misiion. Nia tuta vivo nun restas kun mi kiel en kristalo, integriĝinte el ĉiuj sennombraj eternaj momentoj. Kaj mi kredas, ke iam ŝia animo revenos al nia mondo reenkarniĝe, kaj ŝi havos kion fari ĉi tie.

Restu ŝia tenera kaj mirinda animo en paco.

***Andrej Peĉonkin (Krasnojarsk)***

# REJM-info

*redaktas Sonjo Ŝejnina, Vitalij Malenko*

*Saluton, geamikoj! Venis somero, kaj ni ĉiuj volas, ke la atenditaj varmaj tagoj iĝu interesaj kaj memorindaj. Hodiaŭ ni parolas pri OkSEJT kaj pri tio, kiel eblas vojaĝi al ĝi kaj al multaj ceteraj rusiaj kaj eksterlandaj renkontiĝoj. Ĝuu viajn feriojn!*

## OkSEJT-anoj TRINKOS ALKAN LAKTON



Al ĉi-jara OkSEJT esperantistoj pretiĝas en multaj regionoj. Jen kion ni en Kostroma faras por ĝi.

Unue, ni serĉas tendarlokon, ĉar aŭguste OkSEJT pasos ie apud Kostroma. Kie? Nu, ni nun havas kelkajn lokojn, taŭgajn por la tendaro. Por trovi ilin ni dekomence demandis konatajn turistojn pri la plej bonaj. Printempe, kiam degelis neĝo, mi komencis vojaĝi. Kiel bonegas esti turisto! Porokaze mi ĉiufoje ĝuis naturon, arbaron, riveron. Nun mi povas ĝuste diri, ke tendaro situos ne pli ol 30-50 km for de Kostroma, nepre apud rivero. Variantoj estas: Pokŝa, Andoba, Meza kaj Volga. La loko ĉe Pokŝa estas bone atingebla, kaj tie proksimas alka farmo (vd. sube). Andoba fluas pli malproksime, norde de Kostroma, kaj ĉirkaŭaĵoj similas al tiuj en tajgo (kiel mi imagas ĝin). Tamen malgrandaj lagetoj, kiujn formas Andoba, kreskigos kulojn kaj ni, evidente, dividos kun ili nian sorton. Ĉe Volga ekzistas bazejo de aktiva ripozado. Tie en julio tendumos niaj bonaj amikoj – skoltoj. Samtempe ĉe Volga krom bonaj tendaj kondiĉoj ekzistas distraj ebloj. Inter ili – boatado. Kiam mi havos ĝustajn informojn pri tiu lasta bazejo, organiza teamo de OkSEJT elektos la plej bonan lokon.

La dua grava afero estas inviti novulojn, kiuj plenigos niajn vicojn. Mi komencis varbi, ne lasante mian laborlokon. Laborante en Kostroma filio de la telefonkompanio MTS, mi ĉiutage interparolas kun centoj da homoj. Kial ne uzi tion? Mi pendigis sur mian komputilon rimarkeblan afiŝeton "Esperanto parolata". Kion mi ricevis? Demandojn de miaj klientoj. Plej ofte oni demandas min kio estas "parolata", rekonante la unuan vorton. Dank' al tiu afiŝeto aperis du knaboj, kiuj interesiĝas partopreni en OkSEJT. Mi ankaŭ povas diri, ke ĉiuj miaj kolegoj nun klare scias, kio estas Esperanto, por kelkaj mi faris malgrandajn lernolibretojn kaj invitis al OkSEJT. Porokaze bone helpas informilo, kiun mi preparis kun Slavik Ivanov. De unu flanko oni legas pri Esperanto, de la alia – pri OkSEJT. Kun alvenantaj samklubanoj ni diskutas pri portebla komunikado nur Esperante kaj unufoje mi eĉ vendis tiumaniere poŝtelefonon! Se vi havas similajn kondiĉojn laborloke, nepre utiligu ilin!

Por rakonti pri OkSEJT kaj Esperanto ni faris pilotan kunvenon en loka pedagogia uni-

versitato. Bedaŭrinde venis nur du knaboj, kiujn mi invitis persone. Poste ili rakontis al siaj amikoj, kaj al dua kunveno venis jam pli multe da homoj. Aldone ni surmurigis anoncojn en pluraj altlernejoj kaj en la plej grandaj liceoj. Samtempe al ni prezentiĝis bona ŝanco uzi televidon en nia portendara agado. Nin invitis loka TV-kanalo “KIT”. Frumatene enkadre de informa programo “Utro” Uljana Ŝmarova kaj mi respondis demandojn pri Esperanto kaj la tendaro. Uljana deklamis versaĵon, kaj poste ni kune kantis fragmentojn el E-kantoj. Dum ĉ. 15-minuta intervjuo ni invitis homojn aliĝi al la tendaro. Duan organizan kunvenon en regiona biblioteko partoprenis 10 novuloj plus 5 niaj samklubanoj. La prezento pasis dulingve. Mi rakontis Esperante, kaj Uljana Ŝmarova tuj tradukis rusen. Tiam siajn adresojn al ni lasis ankoraŭ 8 geknaboj. Do, tio rilatas al aliga agado.

Se diri pri la programo de venonta OkSEJT, mi deziras rakonti pri unu vidindaĵo, ekskurson al kiu ni proponas por la tendaro. Temas pri alka farmo. En tuta Rusio nur tie estas prizorgataj plenkreskaj alkoj, melkataj alkinoj kaj kreskantaj alkidoj. Saniga alka lakto, kolektanta en la farmo, estas konservata por medicinaj celoj. Dum unuaj jaroj de ekzisto en la farmo specialistoj esploris alkojn, iliajn povojn. Estis starigitaj diversaj eksperimentoj por klarigi kutimojn de la plej grandaj lokaj bestoj, uzeblon de alkoj en medicino kaj eĉ en transporto. Dum la ekskurso ĉiu deziranto povos vidi alkidojn, grandajn alkojn kaj ekscii pli pri tiuj unikaj bestoj. Ĉiuj komencantoj, unuiĝu en OkSEJT!

***Ljoŝa Kuznecov, prezidanto de Kostroma Esperanto-teamo***

## SPACO KUNIGAS HOMOJN…



*“Saluton, mi petveturas ĝis Moskvo (Prago, Parizo, Irkutsko…)” Tia rimedo de vojaĝo, ŝajne, estas tre kutima por esperantistoj. Sed ĉu ĝi estas nur rimedo? Ekzistas homoj, por kiuj petveturado iĝas kvazaŭ stilo de la vivo. Ĉu tio eblas? Pri tio ni parolis kun Oĉjo Dadaev, kiu petveturas ekde 1993 kaj jam trapasis tiumaniere ĉ. 400 milojn da kilometroj.*

**– Oĉjo, ĉu vi ne timas petveturi? Onidire, sidiĝi en nekonatan aŭton estas danĝere…**

– Komprenu, homoj aŭtas ne por murdi kaj rabi, sed por atingi certan lokon. Ili estas simplaj homoj, samaj kiel surstrate.

**– Kial vi vojaĝas tiumaniere? Ĉu vi ne povas uzi pasaĝeran transporton, kiel ĉiuj normalaj homoj?**

– Mi vojaĝas tro ofte por uzadi ĝin, ĉar tiel estus tro multekoste. Krome, petveturado multe pli interesas, ĉar mi povas viziti abundon da diversaj lokoj, renkonti multege da homoj, komuniki kun ili kaj ekscii novajn faktojn. Aldone, petveturado ebligas libere disponi pri mia tempo – mi komencas vojaĝon je iu taŭga por mi horo. Imagu, foje mi startis el Smolensko al Moskvo, sed rezulte atingis sudon de Kazaĥio!

**– Se vi havus multe da mono kaj eblon vojaĝi per la plej luksa transporto, ĉu vi rifuzus petveturadon?**

– Se mi estus riĉega, mi plej verŝajne mem aĉetus aŭton… Sed eĉ tiam foje mi petveturus. Mi tion faras ne pro manko de mono. Simple, prefere mi elspezu ĝin ĝuante tempon kun

geamikoj.

**– Oĉjo, mi ne komprenas, kial ŝoforoj kunprenas petveturantojn? Oni ja ne ricevas iun monon pro tio.**

– Komunikado kun aŭtokondukistoj montras, ke ĉiuj havas diversajn kialojn. Iu ŝoforo enuas kaj deziras paroli. Alia simple kompatas homon starantan sur vojo. La tria iam mem petveturis kaj nun decidis veturigi "samideanon". La kvara interesiĝas: kial tiu strangulo staras ĉi tie? La kvina mem ne komprenas, kial li veturigas. Unu ŝoforo kunprenis min kaj la tutan vojon indignis. Mi diris al li, ke li rajtas lasi min ĉiumomente sur vojo. Sed li paroladis ion pri mono kaj samtempe plu veturis! Mi pensis: nu, bone, eble li simple volas blasfemi, eble li havas hodiaŭ tian humoron. Kaj mi estas bona "aŭskultanto"! Certe, ekzistas ŝoforoj, kiuj celas gajni monon. Sed ili kutime dekomence avertas pri tio, kaj forveturas se oni estas senmona. Aŭ, tamen, kunprenas, se hazarde ekdeziras helpi.

**– Kiam vi stopas aŭton, ĉu vi ne sentas vin almozpetanto?**

– Certe ne! Ekzistas sagaca frazo: "Petu, kaj vi ricevos". Do ne timu peti pri io. Des pli ke petveturado ne estas iu plora elpeto, kiam oni stopas aŭton kaj komencas rakonti pri sia malriĉeco kaj malboneco de la vivo. Male, plej kutime ŝoforoj mem scias, ke petveturado estas simple aparta speco de vojaĝo. Ĉu veturigi aŭ ne, tio estas plene ilia volo – kvankam ekzistas petveturantoj, kiuj strebas elvoki kompaton de la ŝoforo. Mi konas geknabojn, kiuj petveturis kaj diris al la ŝoforo: "Saluton, ni estas studentoj kaj ne havas monon. Ĉu vi povas kunpreni nin? Ni veturas al niaj amikoj, kiuj atendas nin en arbaro". La kondukisto ekkompatis kaj veturigis ilin. Sed subite en poŝo de unu knabo ekzumis mesaĝilo. La ŝoforo demandis, kio ĝi estas. Ili respondis: "Niaj amikoj mesaĝas". Li ekmiris: "De kie?" – "El arbaro…" – "Kiumaniere?" – "Per poŝtelefono…"

> La 21-an de junio Ivanova E-klubo "Teamo" elektis novan prezidanton – Stas Tolokoljnikov.

**– Vi petveturis ankaŭ tra Eŭropo. Ĉu tio diferencas de Rusio?**

– Preskaŭ same, kiel iliaj vojoj diferencas de la niaj! En eŭropaj landoj la vojoj kutime estas grandegaj, kun specialaj bariloj kaj signoj, kaj aŭtoj veturas tre rapide. Ili estas tre malfacile haltigeblaj, pro tio pli bonas interkonsenti pri kunvojaĝo ĉe elirejoj el urboj kaj vilaĝoj aŭ en benzinejoj. Fakte, benzinstacioj eksterlande tre malsimilas al la niaj. Tre ofte ili estas kvazaŭ veraj centroj de civilizo! Oni trovos tie kaj vendejon, kaj hotelon, kaj restoracion. En benzinstacio ĉe Frankfurt-sur-Majno mi vidis eĉ speciale aranĝitan spacon, kie loĝis familio de emuoj. Apude okazis festo kun klaŭnoj, kien homoj estis venantaj kun infanoj.

**– Ĉu ankaŭ ŝoforoj en Europo diferencas de la niaj?**

– En Rusio aŭtokondukistoj ofte timas petveturantojn, eŭropanoj estas pli "malfermitaj". Krome, mi ne memoras eĉ unu fojon en Eŭropo, kiam ŝoforoj diris ion pri mono. Male. Iu germano donacis al mi 50 markojn kaj ege pardonpetis, ke ne povas doni 100. Li ankaŭ ĉagreniĝis, ke ne povas gastigi min en sia hejmo, ĉar proksimis iu festo, kiun oni festas nur en malvasta familia rondo. Alia germano veturigis min tra la urbo Rotvajl kaj montris vidindaĵojn. Mi eksklamis: kia bela palaco! "Jes, tio estas nia prizono," – fiere respondis li…

**– En kiu lingvo vi parolas kun aŭtokondukistoj, vojaĝante eksterlande?**

– Plej ofte, tamen – angle. Sed al mi tre helpas ankaŭ fona scio de kelkaj lingvoj. Kun iu ŝoforo ni parolis en ia miksaĵo el 7 lingvoj: hungara, rusa, Esperanto, angla, itala, franca kaj germana. Tamen plej ofte sufiĉas gestoj kaj mimiko.

**– Ĉu ekzistas iuj sekretoj de sukceso en petveturado?**

– Plej gravas ne timi, ĉar ŝoforoj tre bone sentas tion! Estu memfida. Vi ja ne faras ion malpermesitan! Kaj certe estu bonvola, ridetu. Tre bonus komuniki kun la kondukisto eĉ kiam vi staras sur la vojo. Montru per rigardo kaj gestoj, ke ĝuste kun li vi volas vojaĝi! Rilatu al la ŝoforo kun estimo, ne staru sur la vojo dorse kaj ne blasfemu, se iu rifuzis vin kunpreni. Memoru, ke vi kunkreas imagon pri petveturanto, kaj de vi dependas, ĉu tiu aŭtokondukisto daŭre veturigos tiajn homojn kiel vi…




**– Oĉjo, ĉu stopi eblas nur leĝerajn aŭtojn?**

– Stopi eblas ion ajn, eĉ biciklojn!

**– Ĉu vi vojaĝis per iu ekzotika transporto?**

– Ĉevalojn mi ne stopis, ĉarojn – ankaŭ ne… Simple ne estis senco, ĉar pli rapidus paŝi. En vere perditaj lokoj mi veturis per traktoroj. Estis kazo, kiam iu virino stopis asfaltsternilon, kaj dum 45 minutoj veturis 800 metrojn! Alia petveturanto en Nov-Zelando pasis nur kelkajn kilometrojn per laktoveturigilo, kiu laŭvoje eniris ĉiun korton.

**– Ĉu petveturado vere estas mondkoncepto?**

– Jes. Ĝi estas specifa percepto de la mondo, kiam tiu iĝas tute malgranda. Tiam oni komprenas, ke spaco ne dividas, sed kunigas homojn. Oni scias, ke ĉiumomente povas trafi el Moskvo al Magadan aŭ el Soĉi al Milano, kaj por tio ne necesas dum multaj monatoj gajni salajron… Petveturado donas komprenon, ke ne ĉio postulas monon. Male, mono eĉ povas malhelpi al libera interkomuniko…

**– Oĉjo, ĉu eblas nomi petveturadon "lernejo"?**

– Mi konas knabon, kiu tre ŝanĝiĝis post kiam li komencis petveturi. Li perdis sian antaŭan premiĝon pro la rutina vivo, nun li rigardas la mondon tute alie kaj vivas kun plia plezuro.

***intervjuis Sonjo Ŝejnina***

---

Viro eniras barbirejon por razado. Dum la barbiro ŝaŭmumas lin, li mencias la problemon, kiun li havas por atingi glatan razadon de la vangoj. "Mi havas la plej ĝustan ilon, – respondas la barbiro, elprenante malgrandan lignan pilkon el apuda tirkesto.– Nur metu ĉi tion inter la vango kaj la gingivo." La kliento metas la pilkon en sian buŝon kaj la barbiro donas al li la plej glatan razadon, kiun la viro iam spertis. Post kelkaj razilmovoj, la kliento demandas per obtuza parolo: "Sed kio okazus se mi englutus ĝin?". "Ne estus problemo, – la barbiro respondas. – Simple portu ĝin al mi morgaŭ, kiel ĉiuj aliaj faras."

***(esperanto-anekdotoj)***

## LIBROJ POVAS ESTI BONKORAJ!

Ivanova junulara Esperanto-klubo "Teamo" iniciatis kolekton de libroj por infanaj internulejoj de sia urbo, kaj nomis sian agon "Bonkora libro". La ideo venis, kiam Ivanova urba administracio invitis ĉiujn junularajn klubojn partopreni en "Printempa semajno de bonkoro", t.e. semajno de volontula servado. Ni rememoris, ke pleja parto de infanaj internulejoj en Ivanovo havas malriĉajn bibliotekojn, kaj decidis helpi al ili.

La klubo "Teamo" partoprenigis en sia ago "Bonkora libro" multajn organizaĵojn de la urbo: "Ivanovan gazeton", universitatojn kaj lernejojn, urban bibliotekon, infan-junularan centron kaj libran vendejon, kiuj faris ĉe si la centrojn de libra kolektado. Ivanovanoj eksciis pri la ago el afiŝoj kaj anoncoj en la gazeto kaj portis hejmajn librojn. Unu 7-jara knabo donacis ne nur belajn librojn, sed ankaŭ ludilojn. Rezulte dum du semajnoj estis kolektitaj 1510 libroj. Ilin ricevis bibliotekoj de tri ivanovaj infanaj inernulejoj.

Dank' al sponsoroj la infanoj festis ricevadon de la libroj per limonado kaj dolĉaĵoj. La klubo "Teamo" donacis al ĉiu internuleja biblioteko lernolibron de Esperanto kaj deziris al infanoj trovi amikojn tra la tuta mondo.

***Sonjo Ŝejnina (Ivanovo)***

## LETERA KARNAVALO

Kostroma E-Teamo invitas vin partopreni en la letervespero, kiu okazos komence de decembro 2003 en Kostroma regiona scienca biblioteko. Temo de la letervespero estos ***"KARNAVALA, NACIA KOSTUMO DE TUTA MONDO, iliaj specifecoj kaj diferencoj".*** Bonvolu sendi al ni bildkartojn aŭ fotojn kun bildoj de karnavalaj, naciaj kostumoj, infanaj kaj plenaĝulaj. Skribu, kiaj karnavalaj festoj okazis en via urbo. Respondo post la vespero estas garantiata. La adreso por la sendaĵoj: ***156005 Kostroma, str. Ivana Susanina, 54/17-79, Jelena Serova (karnavalo). Anticipan dankon!***

***KETo***

## TRI NOVAJ TITOLOJ ĈE UEA

Ekde la komenco de tiu ĉi jaro UEA eldonis du novajn librojn kaj unu broŝuron, sed tiu lasta estas la nova eldonaĵo en la serio Esperanto-dokumentoj. La Esperanto-dokumento portas numeron 38 kaj nomiĝas "Esperanto kaj internaciaj organizaĵoj". Ĝin preparis vicprezidanto de UEA, respondeca pri eksteraj rilatoj, profesoro Lee Chong-Yeong. En la dokumento li kolektis rezoluciojn, decidojn kaj rekomendojn de internaciaj organizaĵoj, ko-

mencante, kompreneble, de Unesko, favorajn al Esperanto kaj la ideo de Internacia Lingvo. Multe pli ampleksa (504-paĝa) estas “Konciza Etimologia Vortaro”, kompilita de André Cherpillod. La verko jam donas tre bonajn promesojn iĝi furoraĵo de la jaro – dum du monatoj post ĝia apero vendiĝis pli ol 100 ekzempleroj. Kaj meze de aprilo el la presejo venis alia verŝajna furoraĵo: “La vivo de Henriko la Kvina”, verkita de William Shakespeare kaj tradukita de Humphrey Tonkin. Pli detalaj informoj pri la eldonaĵoj troveblas en la rubriko “Laste aperis” de la revuo Esperanto.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## LIRO-2003

La redakcio de “La Ondo de Esperanto” denove invitas ĉiujn dezirantojn partopreni en la tradicia literatura konkurso Liro-2003.

Liro-2003 havas kvin branĉojn:

***1. Originala prozo:*** ne pli ol 30 mil literojn longa.
***2. Originala poezio:*** la amplekso ne estas limigita.
***3. Traduka poezio el la rusa lingvo:*** poemoj de Fjodor Tjutĉev.
***4. Traduka prozo el la rusa lingvo:*** “Человек в футляре” de Anton Ĉeĥov.
***5. Traduka prozo el la angla lingvo:*** “The Celebrated Jumping Frog of Calaveras County” de Mark Twain.

En ĉiu el la branĉoj 1, 2, 3 oni rajtas partopreni per ne pli ol tri verkoj. Sendu tri tajpitajn, komputile kompostitajn aŭ tre klare skribitajn ekzemplerojn de la konkursaĵo al la sekretario de Liro-2003 ***(RU-236039 Kaliningrad, p/k 1248).*** La konkursaĵoj devos atingi la organizantojn antaŭ 01.11.2003. Subskribu vian konkursaĵon per pseŭdonimo kaj aldonu slipon kun indiko de la pseŭdonimo, aŭtenta nomo kaj poŝta adreso. Oni ne rajtas sendi verkojn, kiuj jam estis publikigitaj aŭ premiitaj en aliaj konkursoj. La originalajn tekstojn de la tradukendaj verkoj petu ĉe la sekretario poŝte kontraŭ afrankita koverto (por Ruslando) aŭ internacia respondkupono, aŭ rete <sezonoj@gazinter.net>. Ili estas ankaŭ elŝuteblaj el la retpaĝo <http://esperanto.org/ondo>, rubriko “Literatura konkurso Liro”.

La laŭreatoj ricevos diplomojn kaj libropremiojn. La rezulto estos anoncita je la Zamenhofa Tago 2003. La organizantoj rezervas al si la rajton ĝis 31.12.2005 publikigi la ricevitajn konkursaĵojn en “La Ondo de Esperanto”, libroforme kaj elektronike. Sukcesojn!

## INVITO AL ESPERANTA FABELKONKURSO

Päätalo-instituto estas kultura-literatura centro en Taivalkoski, Norda Finnlando, nomita laŭ Kalle Päätalo (1919-2000), eminenta verkisto naskiĝinta en Taivalkoski. Ĝia direktoro estas Osmo Buller. Inter ĝiaj agadoj estas fabelkonkurso por finnaj infanoj ĉiujare ekde 1993, la plej prestiĝa tia konkurso en Finnlando. En 2000 oni aldonis al la konkurso Esperanton laŭ iniciato de la Vilaĝa Asocio de Metsäkylä, vilaĝo en la municipo Taivalkoski. Ankaŭ ĉi-jare la instituto invitas konkursi en Esperanto.

Estas tri kategorioj: infanoj ĝis 9-jaraj, 10-11-jaraj kaj 12-13-jaraj. La konkursaĵoj estu verkitaj originale en Esperanto de individuaj infanoj aŭ de grupoj (ekz. lernejaj klasoj). Individuaj kaj grupaj konkursaĵoj estos taksitaj aparte. Longo ne estas fiksita. En la skribado aŭ tajpado plenkreskulo rajtas helpi laŭ sia konscienco. En la prijuĝado oni aprezas antaŭ ĉio fabelecon kaj originalecon. La konkursaĵoj estu senditaj poŝte kaj alvenu plej laste la 15-an de septembro 2003 je la adreso: *Päätalo-Instituto, Fabelkonkurso, PL 39, FI-93401 Taivalkoski, Finnlando.* Oni uzu pseŭdonimon kaj menciu, ĉu temas pri grupo aŭ unuopulo. La nomo, adreso, naskiĝdato kaj (se eble) telefonnumero aŭ retadreso de la konkursanto estu en aparta koverto.

La rezultojn oni publikigos samtempe kun tiuj de la finna konkurso la 18-an de oktobro,

kiam oni festas la nomtagon de Satu (nomo, kiu en la finna signifas fabelon). En ĉiu branĉo oni principe aljuĝos tri premiojn. Inter la gajnintoj de la unua premio la ĵurio elektos la laŭreaton de la ĉefpremio, Fabelo Internacia. Pli da informoj donas la komisiito pri la konkurso: ***s-ino Aini Vääräniemi,*** *Vääräjärventie 26 A, FI-93590 Vanhala, Finnlando; rete <aini.vaaraniemi@pp.inet.fi>.* Ĉe <www.taivalkoski.fi/paatalo-instituutti/esperanto.htm> estas legeblaj la fabeloj, premiitaj en antaŭaj jaroj.

## "NACIEC' – ESPERANTISTO"?

Mi volas klarigi mian vidpunkton pri tiel nomata "nacieco – esperantisto" (des pli ke en REGo № 2 s-ro V.Minin denove alvokis: "en landaj popolnombradoj ni menciu, ke nia nacio estas esperantistoj, kaj nia origina lingvo estas E-o"). Certe, iuj homoj, denaskaj esperantistoj, tute sincere povas konsideri E-on kiel hejman lingvon. Do, indiku ili sian naciecon tiamaniere. Sed instigi ĉiujn esperantistojn tiel fari – ŝajnas al mi, milde dirante, ege erari. La nomo de nia lingvo estas "internacia", do la celo estas helpi homojn de diversaj nacioj (de ĉiuj nacioj!) interkompreni. Ĉu ne klaras? Mi estas ĵurnalisto, kaj mi certas: se fakte iuj samideanoj dum la lasta popolnombrado postulis, ke nombristoj indiku ilian naciecon "esperantisto", – tio multe malutilos por la movado. Iuj miaj kolegoj plezure primokos tiujn "strangulojn". Jen, diros ili, estas nova pruvo: tiuj esperantistoj estas sektemuloj, ili ne estas patriotoj, ili rifuzas "la naturan originan lingvon", ili "ne estimas siajn praulojn, ne amas sian Patrujon" ktp, ktp… Eĉ pli, tio donos la grundon por novaj atakoj kontraŭ la lingvo mem: "jen, vidu, ili volas, ke homoj rifuzu la proprajn lingvojn kaj ĉiu ekparolu en tiu artefarita lingvaĉo…". Anstataŭ pacienca laboro (instruado, informado, perado, tradukado ktp) oni proponas tute nesolidajn kaj malutilajn agojn. Mi kredas, ke la homoj, proponantaj tiaĵojn, volas fari ion utilan por E-o kaj por la movado. Sed fakte ili helpas al niaj plej malbonaj kontraŭuloj. Erari en tiaj fundamentaj demandoj signifas multon miskompreni.

***Vjaĉeslav Roĵdestvenskij (Ĉeljabinsk)***

## REZULTOJ DE LA INTERNACIA LITERATURA KONKURSO "EKRA"

*organizita de la esperantista Domo de kulturo "D-ro Ivan Kirchev" (Razgrado)*
*sub la aŭspicio de LF-koop*

***PREMIOJ POR POEZIO***

Unua premio: Niede Baros Rego (Brazilo)
Dua premio: Roland Lateux (Francio) kaj Penka Papazova (Bulgario)
Tria premio: Danĉo Danĉev (Bulgario)

***PREMIOJ POR HUMURAĴOJ***

Unua premio: Ruben Gonzalez (Meksikio) kaj Zorka Vinceljak (Kroatio)
Dua premio: Valentin Melnikov (Rusio) kaj Tatjana Auderskaja (Ukrainio)
Tria premio: Nicolae Macovei (Rumanio) kaj Ilija Iliev (Bulgario).

***"Heroldo komunikas"***

## LERNO-KOMPLETO DE ILEI

Nia instruista ligo pretigas lernilojn precipe por pli junaj lernantoj kaj koncentras la atenton al studiloj uzeblaj internacie, alivorte, en kiuj aperas nur Esperanto. Ili estas preparitaj laŭ la ideoj de komunika instruado, nome ke la baza lingva unuo estas la frazo, kaj oni de la komenco uzas la lingvon aktive por dialogi, komunikante ideojn kaj nociojn.

Por komencantoj la propono estas "Okuloj", 44-paĝa kolore ilustrita kajero, pretigita por infanoj 6-10-jaraj. Ĝi prezentas 440 radikojn, el kiuj pli ol kvardek estas verboj – la motoroj de la frazoj. Ili aperas en adekvataj kuntekstoj, tiel ke lernantoj tuj dekomence scias ne nur la verbon sed ankaŭ la uz-manieron – kun aŭ sen rekta objekto. Aperis ankaŭ "Okulo




Gvidilo” por la instruisto aŭ kursgvidanto. Ĝi resumas por ĉiu paĝo de la studenta kajero la novajn vortojn, gramatikaĵon, komunikajn lertojn, kaj krome donas praktikajn konsilojn, kiel prezenti la paĝon kaj kiujn pliajn agadojn aŭ ludojn oni povas uzi. La dua parto de la gvidilo prezentas fotokopi-pretajn ekzercojn, tiel ke la instruisto povas mem tre facile pretigi task-foliojn por la klasanoj, ŝparante la tempon mem krei ilin.

Por daŭrigi la kursojn ekde la fino de la studado de “Okulo”, ni proponas la duan kaj trian kajerojn de la serio “Tendaraj tagoj”. Tiu transiro eblas, ĉar “Okulo” kovras la saman vort-trezoron kaj gramatikon kiel la unua kajero de “Tendaraj Tagoj”, kiu ne plu estas havebla de ILEI (sed eble restas ĉe iuj libroservoj). La dua kajero estas unuavice destinita por lernantoj 10-16-jaraj; gvidila materialo por ĝiaj komencaj paĝoj estas trovebla en la hejmpaĝo de ILEI. La tria kajero de “Tendaraj tagoj” konvenas por ĉiuj lernantoj pli ol 10-jaraj, ĝi estas uzebla eĉ por kursoj de la supera nivelo.

Kiel aldonan helpilon ni proponas grandformatan kantlibron de norvega kolego. Oni povas trovi pliajn informojn pri ĉi tiuj verkoj en la hejmpaĝo <http://www.edukado.net>.

Ĉio ĉi mendeblas en la libroservo de UEA aŭ en ILEI (poŝte: ***Pannonia u. 30 I 6, HU-1136 Budapest, Hungario;*** rete <stefan.macgill@galamb.net>).

## ABON-INVITILO PRI IPI

Centro de Esploro kaj Dokumentado pri la Monda Lingvo-Problemo (CED) eldonadas kaj al seriozaj esploristoj senpage disponigas la bultenon “INFORMILO POR INTERLINGVISTOJ” (IpI). Ĝi informas pri interlingvistika kaj esperantologia aktivadoj en tutmonda skalo, kaj pri aperintaj ĉi-rilataj artikoloj kaj libroj. Tio i.a. koncernas:

- lingvopolitikon (internacian, eŭropan, azian, aliregionan);
- problemojn de internacia lingva komunikado;
- la fenomenon de internacia planlingvo (universala lingvo, monda helplingvo, “artefarita lingvo”);
- Esperanton en teorio kaj praktiko;
- la situacion de aliaj planlingvoj;
- interlingvistikon kaj esperantologion, resp. la lingvon Esperanto en universitataj medioj.

***Vi verkas pri interlingvistikaj kaj esperantologiaj temoj? Ĉu vi scias, kion viaj kolegoj jam verkis? Kial denove inventi la biciklon? Rigardu en IpI.*** La legantoj de IpI akiras ĝeneralan internacian superrigardon pri la plej aktualaj kaj plej gravaj materialoj, kiuj aperas pri la supre menciitaj temoj. Se vi serioze okupiĝas pri la sciencaj aspektoj de Esperanto aŭ ĝenerale pri planlingvoj, vi ne rajtas maltrafi ĉi tiun inform-fonton, kiu povas ŝpari al vi temporaban bibliografian serĉadon.

Jare aperas kvar kajeroj, kun sume almenaŭ 60-80 paĝoj. Ĝis fino de 2002 aperis 43 kajeroj kun sume ĉirkaŭ 700 paĝoj. Ĉiuj ankoraŭ haveblas por via retroinformiĝo.

Eldonas CED ĉe UEA. La mendojn direktu al UEA (vidu la adreson en la tria kovrilpaĝo), indikante viajn nomon, UEA-kodon (se ekzistas), adreson, landon, retadreson kaj profesion.

La kontribuojn al IpI vi povas sendi al la redaktanto d-ro Detlev Blanke (Otto-Nagel-Strasse 110, DE-12683 Berlin, Germanujo; tel. +49-30-5412633, fakso +49-30-5456742; rete <dblanke.gil@snafu.de>).

## RETA REELDONO DE GRAVA ESPERANTOLOGIA VERKO

Unuafoje UEA okazigis nur-elektronikan eldonon de ampleksa publikaĵo. Temas pri aktualigita "Bibliografio de vortaroj", origine komplita de Edward Ockey en 1982. La bibliografia listo estis enkomputiligita kaj parte ĝisdatigita de Geoffrey Sutton, sekve de kio ĝi ricevis novan titolon: "Bibliografio de vortaroj kaj terminaroj en Esperanto, 1887-2002". En ĝi estas listigitaj E-vortaroj kaj terminaroj, publikigitaj dum la tuta vivodaŭro de nia lingvo – entute 1079 titoloj. Sendube la listo ne estas kompleta, sed momente la plej plena.

La Bibliografio estas trovebla en la retejo de UEA ĉe la adreso <http://uea.org/dokumentoj/bibliografioj.html> kaj estas prezentita en tri formatoj – HTML-versio, kiun oni povas konsulti rete, PDF-versio kaj RTF (arkivigita) – kiujn oni povas elŝuti kaj konsulti laŭnecese en propraj komputiloj. En la sama paĝo oni trovas apartan Bibliografion de E-terminaroj, aperintaj en 1980-2002. Ĝi estas pli oportuna por tiuj, kiuj simple serĉas specifajn fakajn terminarojn, ĉar disponigas titolojn, ofte reale troveblajn en libroservoj. Krome, post pluraj titoloj estas aldonitaj hiperligiloj, pere de kiuj oni povas transiri al la tekstoj de la terminaroj en diversaj E-retejoj. La bibliografio estis kompilita de Ĵerom Vashe kaj enretigita de Dirk Bindmann.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## POSTDISKUTAJ RIMARKOJ

***reeĥe al "Rimoj bonaj kaj malbonaj" en REGo № 2 (15)***

Unue, pri la termino mem "aborta rimo". K.Kalocsay efektive proponis ĝin en "Lingvo Stilo Formo" (1931), sed ja nur kiel akcesoran, paralelan al la baza klasifika termino "radikrimo". Ĉi-lasta ne havas mokan nuancon, reflektante la esencon: rimado de nudaj radikoj, senkonsidere al la finaĵoj. Tamen pli disvastiĝis kaj mispopulariĝis la esprimo "aborta rimo", al kio ne malpli ol Kaloscay kontribuis lia multjara kunaŭtoro G.Waringhien: ilia "Parnasa Gvidlibro" (1932) entenas ĝin kaj en la unua parto – "Skizo de Esperanta metriko" de Waringhien, kaj en la dua – "La arto poetika" de C.E.R.Bumy (= Kalocsay). La nocio "radikrimo" tie jam forestas, supozeble pro malplaĉo al Waringhien: en "Enciklopedio de Esperanto" (1933) estas artikolo de Kalocsay "Rimo", en kiu denove renkonteblas "radikrimo (aborta rimo)", sed en PIV (1970), redaktita de Waringhien, "radikrimo" mankas. Do: por eviti la malŝatatan de multaj epiteton, ne indas sekvi la evidente maltrafan proponon pri arbitra sencmodifo por la termino "rimoido", sed revenu ni al la forgesita "radikrimo" (ekzistas ankaŭ modifaĵo: "radika rimo", kiun mi preferu ĉi-tekste).

> Estas eldonita broŝurforme la artikolo de G.Waringhien "D-ro L.L.Zamenhof: skizo de biografio" (el la libro "1887 kaj la sekvo") en la rusa, tradukita de A.Sidorov. La broŝuro enhavas 11 paĝojn kaj estas ilustrita. Por ricevi ĝin bonvolu sendi 25 rublojn (la sendokosto estas inkludita) laŭ la adreso: 167031, Сыктывкар, а/я 1316, Сидорову Анатолию Вениаминовичу.

Due, konstatante ĉe radikaj rimoj diverĝon de la finaĵoj, indas konsideri, ke la grado de tiu diverĝo povas esti diversa kaj depende de tio la rimoj povas esti pli aŭ malpli (mal)taŭgaj. Laŭ Waringhien, "la malsameco de la fina vokalo mortigas la komenciĝintan kunsonoron". Tamen, se tiujn malsamajn vokalojn sekvas koincidaj konsonantoj, la rimo kvazaŭ restaŭriĝas, kvankam kun "truo" en la senakcenta silabo (ekz. vidus-sidos); nur se la konsonantoj malsamas (tamen-amas) aŭ tute mankas (kredo-cedi), la rimefiko estas fuŝita definitive. Krome (laŭ ekz. "Lingvistikaj aspektoj de Esperanto" de J.Wells), la E-vokaloj per siaj fonetikaj karakterizoj viciĝas jene: i – e – a – o – u; do gravas, ĉu la radikan rimon formas vokaloj apudaj aŭ malproksimaj. Pro

ĉio ĉi ekz. la "modela" rimo de C.E.R.Bumy "ribelis-orelojn" estas vere knara kaj maltaŭga, sed tiu de K.Gusev "kontraŭdronaj-kaldronoj" ne transiras limojn de akcepteblo.

Trie: estas erara la aserto de V.Melnikov pri neekzisto de nerusaj aŭtoroj, uzintaj radikajn rimojn – krom H.Adamson. Kiel kontraŭekzemplon mi menciu ties samnacianinon Hilda Dresen. Simile al la rimarkoj pri Adamson, oni ja povas diri, ke ŝi estis influata de la rusa lingvo (kredeble eĉ pli ol li), kaj ke post tio pasis pluraj jardekoj. Sed kio certe ne validas pri H.Dresen – ke ŝiaj radikaj rimoj estas nur esceptokazaj. La libro "Versoj elektitaj" de S.Jesenin (Moskvo, 1965) enhavas tradukitan de ŝi versaĵon (p. 26-27), en kiu pli ol duono de la rimoj (9 el 14) estas radikaj. Ĝenerale al la versaĵaro kontribuis kvar konataj tradukintoj; la versaĵoj tradukitaj de Dresen enhavas 36 radikajn rimojn el 168 (21,4 %). La procentaĵo estas precize sama kiel ĉe I.Ĥoves (12 el 56), duoble superas tiun de S.Rublov (11,3 %: 44 el 390) kaj pli ol tridekoble – tiun de K.Gusev (0,6 %: 2 el 319). Pri lastaj ciferoj mi rimarku, ke Konstantin Miĥajloviĉ estis vera virtuozo de E-versado kaj preskaŭ ĉiam sukcesis trovi bonajn rimojn, ne forgesante la preferojn de eksterlandaj legantoj.

***Viktor Aroloviĉ (Moskvo)***

---

# Natalja Iljina (Moskvo)

*Komencis verki en Esperanto ankoraŭ dum siaj lernejaj jaroj (Moskvan lernejon por nevidantoj ŝi finis en 1991). Feriante, ŝi kune kun la gepatroj tre multe vojaĝis, kaj la akiritaj impresoj iĝis fonto por ŝiaj meditoj kaj versaĵoj. Ŝi montris sin kiel sentema, emocia kaj talenta poetino. Bedaŭrinde, dum lastaj jaroj ŝi tute deflankiĝis de Esperanto.*

**: : :**

Pri kio deziras mi kanti al vi?
Pri tio, ke oras tra nuboj la sun',
Pri tio, ke dolĉas en kor' simfoni',
Ke vera miraklo kunigis nin nun.
Pri kio mi verkas la kanton al vi?
Pri tio, ke ravis lazura min flor',
Ke pulsas koreto en juna foli',
Ke estas ni kune, ne trompas min kor'!
Pri tio mi kantas la kanton al vi,
Ke ĉiujn afliktojn forgesu vi jam,
Ke ĉio sur ter' memorigu pri mi,
Ke mia varmega varmigu vin am'!

**: : :**

Kio estas feliĉo?
Tuj ne donu respondon.
Eble, estas ĝi suno
En karesa ĉiel',
Eble, ĝi kolorigis
La turkisan mar-ondon,
Eble, kaŝas ĝin rozo
Sen-egala laŭ bel'.

Kio estas feliĉo?
Diri kiu sukcesos?
Eĉ ne unu scienco
Ĝin esploros ĝis er'.
Sed vi ĉion komprenos,
Nur eksenti necesos,
Ke vi estas feliĉa,
Plej feliĉa sur ter'!

: : :

En ĉielo brilas steloj,
Sed ne ili koron gvidas.
En okuloj ĉarmaj viaj
Mi pli belajn stelojn vidas.
Bruas tie mar' senlima,
Flamas tie oro suna,
Sentojn de anim' sublima
Milde voĉ' malkaŝas juna.
En lontano bel-lazura
Monton vidas mi neĝplenan.
Al ĉiama trist' obskura
Ŝanĝos ĝojon mi serenan.
Mia kor' la vian sentas.
Kia sorĉa fort' nin ligas!
Min sen vi feliĉ' ne tentas,
Min kun vi dolor' ĝojigas!
Pri l' renkonto kantu kordoj!
Floroj du en fajro flamas,
Falis steloj du en reton,
Du animoj sankte amas!
En la viv', kristala rondo,
Kor-batad' liberu kuna,
Venku ĉion am' en mondo,
Am' en kor' eterne juna!

: : :

Mi hodiaŭ volas esti sorĉistin',
Ĉiujn revojn viajn dum moment' plenumi,
Plej feliĉa, gaja nun mi faros vin,
Igos bluajn stelojn tre karese lumi.
Mi hodiaŭ volas mem fariĝi stel',
Fali por feliĉo ĝoje kaj rebrile.
Plej kuraĝe, vaste pensu pri fabel'!
Ĝin al vi donaci povas mi facile!

: : :

Nin ĉio disigas:
Vasteco de l' tero
Kaj tempo senhalta,
Kaj duboj sen fin'.

Sed tamen dum noktoj
Ekscitas espero,
Nur sonĝe kaj reve
Retrovas mi vin.

: : :

Jen forbrulas la ora kandelo,
Restis sola nur paŝ' ĝis aŭror'.
Via vers' per simpleco kaj belo
Melodie reeĥas en kor'.
Ĉu degelas minutoj, ĉu steloj?
Ĉu feliĉ' estas, ĉu rememor'?
Jen forbrulas la ora kandelo,
Restis unu nur paŝ' ĝis aŭror'.

: : :

Kio koron ĉagrenis?
Ĉu aŭtuno alvenis?..
Kor' jen ĝojas angore,
Jen esperas dolore.

: : :

Skarlate, ore verdas ter',
Lontan' lazur-nebulas.
Ĉu ree floras primaver'?
Ne, la aŭtun' forbrulas.

: : :

Mi rande de abismo iris,
Sentante kapturniĝon ĉarman,
Kun ia dolĉa tim' admiris
Belecon virgan kaj malvarman.
Plej grandan mi eksciis ĝojon
ĉe l' pint', brilanta purglacie!
Se vi en montoj estis fojon,
Vi ĉiujn revojn lasos tie!

## La antikva kanto (el "Kartvela kajero")

Se mi iĝus kaliko plena
De aroma, subtila vin',
Sub meriza branĉar' serena
Mi por-sane trinkigus vin.
Aŭ mi iĝus fingringo ora,
Milde prenus fingreton vian
Kaj dum horo juna aŭrora
Aŭdus vian kanton magian.
Aŭ mi iĝus herbet' aŭtuna
Apud via printempa vojo –
Via paŝ', kiel brilo suna,
Reflorigus min per la ĝojo.

Aŭ mi iĝus rozo tenera,
Kovrus vangojn viajn per flamo.
Aŭ mi birde de l' ruĝ' vespera
Ĝis aŭror' triladus pri amo.
Aŭ mi iĝus dezir' pasia,
Via dolĉa kora turmento,
Aŭ eĉ ombro mi iĝus via,
Estus kune ĝis lastmomento!

## Al urbo Kislovodsk

Mi post la unua ekrigardo
Urbo de mirakloj nomis vin.
De l' impres' neforgesebla ardo
Jam nenie povas lasi min!
Firmas montoj, kiel am-katenoj,
Puras fontoj, kiel juna sent'.
Viaj stelvesperoj kaj matenoj,
Glutoj de feliĉa, dolĉa vent',
Via ĝoje milda suda varmo, –
Kia do plenigas ĝin magi',
Kia forta, nevenkebla ĉarmo!
Kaj ne povos ĝin forgesi mi!
Se al vi mi longe ne revenos,
El anim' kvieto flugos for.
Vi de nun min ĉiam am-katenos.
Kiujn pli katenojn ŝatus kor'?

## Amkonfeso

Kiam venas la momentoj
De afliktoj kaj malĝoj',
Kiam preme mornaj sentoj
Min atakas dum la voj',
Kiam kovras grizaj nuboj
La ĉielon sen la fin',
Kiam senrevigaj duboj
Dolorege ronĝas min,
Nia bela lingvo kara,
Tiam sonas vi en kor' –
Kaj foriras pens' amara,
Kaj ĉagren' min lasas for.
La muziko de la vortoj
Dolĉe ravas min per ĉarm',
Kaj alvenas novaj fortoj,
Kaj ne plu aperas larm'.
Min inspir' kaj ĝoj' plenigas,
En anim' naskiĝas kant'.
Kia forta am' alligas
Min al vi, ho Esperant'!

**ENIGMOJ.** *La solvojn necesas sendi dum 2 semajnoj post ricevo de la gazeto al Tatjana Auderskaja rete (<zoo@te.net.ua>, <verda99@mail.ru>) aŭ poŝte (Ukrainio, 65026 Odessa-26, p/k 71).*

## 1. EL TAGLIBRO DE IU VIRINO

*En la suba teksto bonvolu trovi 11 titolojn de Esperantaj libroj*

Mi apartenas al la familio Kruk. Mi estas bofilino de sinjoro Tadeo, la ĉefo de la klano. Ni loĝas en la ŝtona urbo Durankulak, kiu situas alte sur la monto. Ni havas ŝtonan domon; en mia buduaro tie staras la lito apud la fenestro. Mi tre ŝatas rigardi tra la fenestro al birdoj, al la blua ĉielo; kaj somermeze mi ŝatas promeni en mia ĝardeno.

Kiel akvo de l' rivero pasas mia vivo; ĝi similas al vivo de plantoj – same kvieta kaj naturkongrua. Mi amas ĉion kaj mi estas feliĉa.

***La solvoj de la enigmoj en REGo № 2(15)***
1. ALTKEUA = AKTUALE
2. SES LITEROJN + IVO LAPENNA
3. PAKISTANO + IRLANDO
4. a) DIPLOM; b) INFORM; c) PLEZUR; d) SIMBOL *(en* a, b *kaj* d *ekzistas ankaŭ aliaj solvoj – Red.)*

## 2. METANAGRAMOJ

Por solvi metanagramojn, oni devas al ĉiu antaŭa vorto aldoni unu literon, kaj poste anagramigi ĝin. Ekz. *O – or – rok – kron* ktp. Kompreneble, ni uzas nur radikojn, sen gramatikaj finaĵoj. Jen la signifoj de ĉiu ŝtupo:

a) komenca litero E: *denove aŭ malantaŭen – en granda kvanto aŭ kvalito – skuiĝi – malsekigi – legomo – preta ami – internaĵo de konko – premo de lakto*

b) komenca litero A: *multaj similaj – longokrura birdo – natura likvaĵo – averto pri danĝero – reaktiva marestaĵo – obskura – partoprenanto de masakro.*

## 3. TROVANTO

*Trovu en la suba teksto 2 plensencajn frazojn, kaŝitajn inter vortoj. Ekz., la sciuro estAS BESTO gracia kaj lerta., ktp.*

Geknaboj kuris al la maro. Sonora voĉo de Irina ĝis la lasta momento sonis en pura aero. Poste ili ĵetis sin en bluajn ondojn kaj longe, delice povis ĝui ilian karesan tuŝon.

Kiam la bordo jam estis for, tempesto abrupte falis al la antaŭe tiel kvieta maro. Ondegoj ekkirlis. Feliĉe, iu fiŝista boato videblis apude. La fiŝistoj ĵetis al infanoj ŝnuregon kun granda marista nodo, raspa kaj facile kaptebla.

Infanoj enrampis en la boaton kaj dankis siajn savintojn.

---

## UTILAJ ADRESOJ

**REU:** p/k 57, 105318 Moskvo; retadreso <esperanto@au.ru>; ttt-ejo <http://www.reu.ru/>

**Libroservo de REU:** p/k 4716, 432063 Uljanovsk; retadreso <yuka@vens.ru>; plena katalogo <http://reu.da.ru/rus/katalogo.htm>.

**REJM:** str.Dugina 17 – 62, 140180 Ĵukovskij, Moskva reg.; retadreso <rejm@euro.ru>; ttt-ejo <www.tejo.org/rejm>.

**UEA:** Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando; retadreso <uea@uea.org>; ttt-ejo <http://www.uea.org>.

# Esperantistaj TTT-ejoj

*Ĉi tie vi trovos la adresojn de ttt-ejoj, kreitaj de E-kluboj kaj apartaj esperantistoj de eks-Sovetio. Al kompilo de la listo kontribuis Nikolao Griŝin kaj Eduard Kolosov. La listo certe ne estas kompleta. Bonvolu sendi al REGo (poŝte aŭ rete) konatajn de vi adresojn por publikigotaj daŭrigoj de la listo.*

<http://aemo.nm.ru/> – Apudbajkala E-movado
<http://akileo.narod.ru/> – AKILEO (eldona Esperanto-kolegareto, Niĵnij Novgorod)
<http://ardoklubo.narod.ru/> – ARDO (Ĥarkiva urba Esperanto-klubo, Ukrainio)
<http://cxapelo.narod.ru/first.htm> – ĈAPELO (Esperanta klubo de internacia turismo, Niĵnij Novgorod)
<http://esperanto.hippy.com/index.html> – Oĉjo Dadaev (Moskvo)
<http://esperanto.kiev.ua/> – KEJS (Kijiva Esperantista Junulara Societo, Ukrainio)
<http://esperanto.tomsk.ru/> – ESTOK (Tomska E-klubo)
<http://homarano.narod.ru/index.htm> – HOMARANO
<http://miresperanto.narod.ru/> – Mir Esperanto (Nikolao Griŝin, Latvio)
<http://nikst.boom.ru/index.html> – paĝo dediĉita al historio de E-movado en Rusio (NikSt)
<http://rostov-esper.narod.ru/> – Rostova Esperanto-Centro
<http://se-ol.chat.ru/esp.htm> – Novokuznecka E-klubo "Cedro"
<http://www.comail.ru:8081/~esperanto/> – Moskva Esperanto-Centro
<http://www.espe.narod.ru/> – Sankt-Peterburga klubo "ESPERO"
<http://www.esperanto.mv.ru/ESP/index.html> – Jurij Finkel
<http://www.esperanto.org/Ondo/> – La Ondo de Esperanto kaj eldonejo Sezonoj
<http://www.esperanto.spb.ru/> – Interret-informilo de Sankt-Peterburgaj esperantistoj
<http://www.festu.ru/ESPERANTO/> PACIFIKO – Junulara Esperanto-Centro (Vladivostok)
<http://www.geocities.com/fajrereto/index.html> – Miĥail Povorin (Moskvo)
<http://www.ikso.net/esperanto-kurso/> – distancaj kursoj de Esperanto
<http://www.ivanovo.ac.ru/alumni/obran/> – Andrej Obrezkov (Ivanovo)
<http://www.jeachr.by.ru/> – JEAĈR (Junulara Esperanto-Asocio de Ĉuvaŝa Respubliko)
<http://www.nekmovado.boom.ru/ESP/esp.htm> – NEKmovado (Novosibirsk)
<http://www.stelaro.by.ru/> – Volgograda Esperantista Junulara Centro "STELARO"
<http://zmila.at.tut.by/> Esperanto – Źmicier Łapcionak (Minsk, Belorusio)


**REGo** (Rusia Esperanto-Gazeto) ***№ 3 (16) junio 2003***

***komuna eldono de REU kaj REJM***

*redaktas* Garik Kokolija *kunredaktas* Viktor Aroloviĉ
*poŝta adreso* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105, 125310 Moskvo, Rusio
*retadreso* <gazeto@mail.ru>

***abontarifoj por 2003:***

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 120 rubloj sendendaj al:*
Георгий Владимирович Score Коколия, Пятницкое шоссе 45 – 105, 125310 Москва
*por loĝantoj de aliaj landoj – 15 eŭroj pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*